AŬGUSTO-SEPT. 1934 Aperas dekfoje dum la jaro SEPA NUMERO




Literatura • arta • ilustrita • revuo

Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Mester ucca 53, V. 5

**Abonprezo por jaro: 9·–, duonjaro: 5·–, unu ekz.: 1·– svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# APLAŬDUJO 1934

— F. Szilágyi —

Jam tro longan tempon mi travivis en Svedlando, por ke mi povus tuj retrovi la originalan vidpunkton de fremdulo. Dum la kongreso mi pli rapide rimarkis la »fremdajn« diferencajojn, ol la svedajn specialajojn. Eĉ mia stomako, — la malplej internacia parto de ĉiu esperantisto — jam delonge ne ribelas kontraŭ la svedaj specialajoj.

Sed nun mi devas min reigi en la koncepton de fremdulo, por skribi pri la kongreso kaj pri la kongresurbo. Kaj mi nun rememoras la pluvan tagon de mia alveno en la svedan ĉefurbon. Multe mi aŭdis pri ĝi antaŭe, sed mi konservis en mia interno strangan kaj obstinan antaŭjuĝon pri ĝi; mi supozis mondon plenan de enuigaj rektajoj, rigidaj belajoj, — preskaŭ mi dirus — akvarion, kies beleco nenion donas al la koro kaj inter kiu kaj mi devas resti kvazaŭ vitra muro. — Sed poste mi alvenis kaj la urbo jam en la unuaj tagoj, tra la pluvualo, kaptis min. Vere, mi rigardis ĝin tra tiu vualo, kaj prijuĝis ĝin tra la krioj de la korŝire malesperaj mevoj, kiuj malenkolie kriadis super la pluvbatitaj ondoj. Mi sentis en la aero konstantan kaj tipe nordan melankolion, eble eĉ ne senbaze, sed poste mi vidis ankaŭ la bonhumoron de la urbo, kiu eble estas iom pli obtuza ol nia kolorriĉa plezuro, same kiel la diskretaj lumoj de la kafejoj kaj restoracioj en Stockholm diferencas de la lumsoifo en mia hejmurbo. Oni ne povas nei, ke la paŝtela mildo kaj la silenta energio de la svedoj estas ege simpatiaj. — Eble Stockholm estas la sola urbo en la mondo, en kies publikaj parkoj, saltdistance de la tramo kaj veturilsvarmado, sciuroj kaj aliaj bestetoj kuradas trankvile kaj prenas la nutrajon el via mano. Kaj tio okazas en iu ajn parko de la urbo. Homoj kaj bestoj trankvile vivadas en tiu ĉi lando. Nun kiam mi skribadas tiujn ĉi vortojn, aperis la sciigoj pri elektado, kiu okazos post tri semajnoj, sed nenia ekscitiĝo, nenia bruo; nur plena trankvilo. En tiu parto de Eŭropo, de kie mi jetiĝis ĉi tien, oni agas, planas kaj pensas alimaniere.

Nu, ion pri la kongreso. Kiel komenci; ĝi estis unu el la plej belaj verdaj festoj. Oni ja arangas ĉiujare kongreson kaj preskaŭ ĉiujare estas konstateble, ke la kongreso sukcesis grandioze. Kaj efektive estas tiel, parte pro la naiva ĝojo de la verda popolo, vizitanta la kongreson, parte ĉar mem la kongresaranĝantoj varmiĝas en la flamo de la malofta renkontiĝo kaj feliĉa kompreno. Sed la stokholma kongreso ne estis nur simpla sukceso kaj ne restis nur intima esp-ista festo, kiun la eksteruloj iom interesite rigardas kaj poste forgesas, sed tiu ĉi kongreso estis surprizo pro ĝia eleganteco, alta nivelo, kiu impresis forte al la kongresanaro kaj ankaŭ al la ekstera publiko.

En la aristokrata medio de la sveda parlamentejo, kies ĉiuj haloj kaj ĉambroj estis je la dispono de la kongreso, oni iom altiĝis, delikatiĝis. La sola escepto estis la brua UEA-kunveno, kies bola atmosfero — en la parlamenta kunvenhalo — donis veran impreson de parlamenta tempesto.

Jam antaŭ la unua kongrestago alvenas amase kongresanoj kaj, karakterize, la unuaj alvenas tiuj, kiuj piede pilgrimis al la kongresurbo. Unu tagon antaŭ la kongreso la urbo komencas esperantiĝi kaj la insulo, kie la Parlamentejo staras, en la flago-maro kaj en la ondoj de la Esperantoparolo tute forgesas kaj forgesigas, ke ĝi apartenas al la sveda ĉefurbo.

Esperantujo, Optimismujo, Aplaŭdujo! La verda popolo ĉiam aplaŭdas. Dum la solena malfermo, en la klasike bela koncert-palaco, oni aplaŭdis ĉiun parolanton de ĉiu lando, eble eĉ pli forte, se tiu ne Esperante parolis. Oni povus konkludi, ke la esp-istoj aplaŭdas plej forte, kiam ili ne komprenas, pri kio temas. Oni aplaŭdis pri ĉiu nomo, sendepende, ĉu temis pri vivanto aŭ mortinto. Ho, ni havas grandan koron kaj tio estas nia forto. Kaj unufoje dum la jaro oni kun granda plezuro naĝadas en tiu ĉi agrabla varmo.

Mi ja ne volas detale rakonti ĉion. Interkonatiĝa vespero! Dum tiu vespero klariĝis, ke la plej grandaj ejoj de la urbo estis malgrandaj por la kongreso, kies homamaso, kun la interesemuloj, forte superis la sorĉan nombron: 2000. La amaso, kiu serĉis lokon en la eleganta restoracio de Grand Hotel, fluegis en la hotelo kiel inundo kaj oni povis timi, ke la tuta hotelo malaperos en la gorĝo de la kongreso.

Dimanĉe jam oni absolute ne povis rimarki svedojn en la urbo. Ho, jes, la esperantistaj svedoj estis rekoneblaj pro sia melodia parolado, kiu estas tute karakteriza pri ili en la nacia lingvo kaj en Esperanto. Cetere la ras-teorio ne funkcias tute sendifekte. Mi estis foje konvinkita, ke mi aŭdos, kiel parolas Afriko kaj anstataŭe mi konatiĝis kun mia samlandano. Oni preskaŭ precize maltrafas.

Ni ŝipekskursis, ses grandaj ŝipoj portis nin inter la belegaj insuloj de la stokholma ĉirkaŭo; kaj surŝipe — kion oni povas fari? — ni kantis diligente la himnon kaj la jus lernitajn ĉarmajn svedajn kantojn. Sola escepto el la kantfebro estis bulgara samideano, kiu dum la tuta tago propagandis la vegetaranismon kaj aliajn ismojn, — nun iom da galo en la inkon — plej prefere persvadante la plej ĉarmajn kongresaninojn.

Dimanĉe vespere ni denove sidas en la koncertpalaco. Ni aŭdas la dalekarlian popolhoron sub la gvidado de d-ro Hugo Akivén kaj admiras la inteligenton de la horestro kaj la subtilon de la norda spirito en la kantado de la pitoreske vestitaj viroj kaj virinoj.

Sed nun sekvis la aliaj surprizoj. Pri kio mi parolu? Ĉu pri la imponaj aranĝoj de la Somera Universitato, kiuj pruvis, ke eĉ dum la somero oni povas aranĝi prelegojn pri seriozaj temoj, se oni aranĝas bonŝance kaj la prelegoj estas interesaj? De tago al tago la vastaj haloj, kie la someraj prelegoj okazis, estis plenplenaj kaj tiu ĉi fakto estis unu el la unikajoj de la kongreso.

La teatra vespero estis same sukcesa. Eble la pli grava teatrajo el la prezentitaj du, ne estis tute somera. Oni ludis la komedion de Strindberg: Ludo kun la fajro. En la dramo fulmrapide alternas la komediaj kaj ofte tragediaj situacioj kaj ĝis la fino oni ne povas konstati, kia dramspeco estas la prezentata teatrajo, sed fine klariĝas, ke ĉio estis nur »ludo kun la fajro«. La aktoroj ludis tiel bravure — ankaŭ en la dua Molièra komedio — ke la sveda gazetaro dediĉis longajn artikolojn al la teatra vespero. Se la trupo de reĝisoro Malmkvist efektive realigos iam sian planon pri Eŭropa rondvojaĝo, certe ĝi havos gravan sukceson — ne nur inter esperantistoj.

Jaŭde la plej granda parto de la kongresanaro ekskursis al la ĉiam juna universitata urbo, Uppsala, kie, inter aliaj, Stellan Engholm prezentis parton el sia verko. Mi mem unuafoje renkontis la eminentan verkiston dum la kongreso kaj verdire mi ne atendis tiel modestan sintenon. La rapidaj kongresaj tagoj tute proksimigis nin unu al la alia, malgraŭ tio, ke ni ambaŭ verkas.

La saman vesperon okazis la t. n. Literatura Vespero, en kies kadro havis gravan rolon ankaŭ la aliaj artspecoj. La kunlaborantaro de Literatura Mondo estis signife reprezentita per la Prologo de Szilágyi, per la »Sonorilludo« de Kalocsay kaj per aliaj originalajoj aŭ tra-

# La vojmontrilo

— MLADEN ST. DJURIĈIC —

La »Akcipitro« estas direktata al amaso da akvo kiu alfluas de supre inter la murojn de tre mallarĝa kanalo de Fera Pordo kaj tie ĉi en la mezo furioze turniĝante ŝaŭmegas, kvazaŭ eliginta misterajn demonojn. Ektremas sur ĝi la blanka pasaĝerŝipo kaj tiuj ektremoj reflektiĝas en la nervoj de la maljunaj ŝipanoj simile al fajfado de sireno, kiu malaperas en malproksimo kaj pro kies sono ektremetas eĉ la folioj de arboj sur malproksimaj montoj.

Ĉe la direktilo estas onklo Vuk. Sufiĉe fierega tial, ke li, apenaŭ dudeksesjara, okupas tiun ĉi postenon, spite la ekziston de maljunaj onkloj, kiuj konas Danubon »iom pli bone ol la Sinjoro«. El ili multaj oficas duoble pli da tempo ol li da jaroj havas. Vuk fajfas, ludas per la direktilo, direktante la ŝipon tra la mallarĝa kanalo. Sur la komanda ponto staras antaŭ li la maljuna kapitano, vestita per blanka bluzo. La matrozoj ŝajne laboras sur la ferdeko. Sur la supra ferdeko, en la apogseĝoj, dormetas pasaĝeroj. Ili sunbanas. Estas mateno, sed la suno jam brilegas. Grincas la direktilrado, siblas la ventiloj. Ĉio estas kiel kutime.

Kio subite okazis, Dio scias. Vuk preskaŭ svenis eksentinte, ke sub liaj manoj dolore ekgrincis la deĉeniĝinta direktilo. La direktilrado petole turniĝadis, sen rezisto, dum sub la ferdeko ektintis krevinta ĉenaro. En la mezo de la kanalo, tra kiu nur dum unu sekundo ĉiu akvoguto faras la vojon de kvin kaj duono da metroj!... Riposimilaj ondoj, flavaj kaj petolaj, murmuretas siajn pramalnovajn ariojn, ŝajne pelas unuj la aliajn, saltas unuj sur la aliajn. Kreskas montoj ĉirkaŭ la ŝipo.

Per ambaŭ manoj kaptas Vuk la radon, ekskuas ĝin dekstren kaj maldekstren, ekŝovas kaj kolere saltas tra la fenestro antaŭ la komandanton. Poste ĉio okazas dum unu sekundo, eble eĉ dum unu ero de ĝi: ekkrio de matrozoj, simpla sed orelgratanta; kaj vekriado de pasaĝeroj, dronanta en la muĝo en murmuro de la rivero, terurega siblado de l' sireno, trifoje ripetiĝanta en tiuj ĉi regionoj. Ĉiufoje ĝi pli dolore eĥas.

La ŝipo preskaŭ flugas al la ŝtona muro de la kanalo. Kun vizaĝoj deformiĝintaj, kvazaŭ sub maskoj, kun nepriskribebla teruro la ŝipistoj instinkte kaptas la longajn hoktenilojn kaj la stangojn uzatajn por sondi akvoprofundon, kvazaŭ tiuj ĉi iloj povus neniigi la fortecon de karambolo. La tuta ŝipo fariĝos grandega amaso da dispeciĝintaj eroj kaj homaj korpoj. Super ĉio ĉi, kiel super teruriga timigilo, aperos la ondoj ĉion kaŝantaj kaj forportantaj en sia flava sino. Pli malsupre, ĉe la malnova digo, ili superŝutos la bordon per bretoj, intestoj, frakasitaj ujoj kaj kranioj, brosoj kaj senmastraj ĉapoj.

Tiumomente, kiam ĉiu viva estaĵo sur la »Akcipitro« subkonscie ekdeziris povi sin ŝirmi kiel erinaco, sentante samtempe la doloron, ke niaj homaj ŝirmiloj estas senpovaj por savi nin de minacanta danĝero, dum momento kiam kelkaj feliĉaj virinoj senkonsciiĝis, ekkuras duonnude kaj nudpiede la malgrandulo, la plej juna ŝipano Nenad, la frato de la direktilisto. Li portas pezan stupan balonon plenan de korko kaj per sciura rigardo spionas la punkton, ĉe kiu karambolos la ŝipa frapŝirmilo kaj la ŝtona muro de la kanalo. Okazas fortega tremego, kvazaŭ la ŝipo saltus el sia kadro kun ĉiuj maŝinoj, poste longa kaj terura grincado kaj fleksiĝado de feraj traboj, pro kiuj agacas la dentoj. La tuta ŝipego ŝajne fleksiĝis kaj denove streĉiĝis kiel en sensenca, neebla sonĝo, apartiĝante de la muro malrapide, kvazaŭ ĝi estus eknaĝanta de sia haltejo. Nekredeblaĵo! Kiamaniere kredi je tiel rapida savo? Ĉu tiu ĉi eta kaj malpura knabo alvenas de supre, de sur la tegmento, kun sorĉa forteco en sia balono, kvazaŭ sankta Georgo mortiganta per la lanco la drakon, kaj subite liberigas ĉiujn? Ĝuste li, la etulo, kies dorson povis bati ĉiu ŝipano, ĉiuokaze kaj senlime, por forigi sian malbonan humoron, tute ne konsiderante la fakton, ke lia frato posedas kvar orajn rubandojn.

La unuan fojon lin karese observas delikataj kaj dankemaj ekrigardoj de la homoj. Tamen, tiun ĉi unuan fojon li ne rimarkis ilin.

Al la antaŭkilo de la apenaŭ savita ŝipo alfluis grandega ondo, levis ĝin per tia forto, kian oni entute ne povas imagi, se oni ĝin ne vidas, kaj ekportis ĝin al la kontraŭa muro. Denove en la abismon! Ŝanceliĝante pli kaj pli ofte, preskaŭ flugas la grandega ŝipo al la muro, kvazaŭ falanta de sur la ĉielo! Apenaŭ ĝi reviviĝis, minacas la nova morto! Eĉ dieca mano devus kadukiĝi en la muĝado de ŝaŭmanta akvo, ĵetanta la ondojn trans la tegmenton. Ĝi hurlas, murmuregas kaj unuj post la aliaj, pli kaj pli grandaj, leviĝas akvomontoj en la komenco de la kanalo. Unuj atingas la aliajn, kreskas kaj plaŭdegas.

Kuras la malgrandulo kun la ŝarĝo tre malproporcia al lia staturo, ĵetas ĝin ambaŭmane trans la

---

dukaĵoj de Schwartz, Engholm kaj Morariu.

Vendrede du someruniversitataj prelegoj estis ligitaj al la nomo de Kalocsay: la unua estis la prelego de d-ro Szilágyi, kiu parolis pri la »Tragedio de l' homo«, analizante la dramon, inter aliaj el la subjektivaj motivoj de la verkisto. La alia prelego, kies temo estis Kalocsay-a traduko, okazis la saman posttagmezon: d-ro Musella lekciis pri la »Infero«.

La internacia balo estis bela, interesa, multaj paroj kunligiĝis, sed pri tio oni povas tute trankvile legi la raportojn de la antaŭaj baloj. Kaj sabate jam ĉio estis for. La kongresa pordo kun peza bruo malfermiĝis kaj ni staris sur la strato kun la konata postkongresa malpleno.

Sed inter la ne oficialaj aranĝoj estis unu, pri kiu ni devas fine nepre diri kelkajn vortojn. Kaj tio estis la unua tutvespera Esperantofilmo de Jean Forge, pli ĝuste dirite, la unua esperanto-vario de filmo. La filmo estas tre bona avangardista filmo, kun la titolo: »Morgaŭ ni komencos la vivon«, kun tre simpla temo: liberiĝo de malliberulo, kiu morgaŭ volas, post 5-jara sufero, rekomenci la vivon, kiun interrompis ĵaluz-tragedio. Sed la sorto ludas ankoraŭ unu tagon kun la malfeliĉulo; ni jam kredas, ke nova tragedio naskiĝas, sed ne, en larma momento, kun arta bonŝanco finiĝas la filmo, unu el la plej bravure aranĝitaj. La esperanta vario estas la rezulto de du laborplenaj noktoj, kiam esperantistoj el kvin nacioj plene raŭkiĝis, sed la entuziasmo de la amatoraj voĉpruntantoj donis tiel unuarangan rezulton, kiun la plej granda stokholma gazeto mencias kiel vere mirindan. Ni antaŭdiras tre grandan sukceson al tiu ĉi filmo kaj akcentas la gravegan signifon de la eksperimento, kiun baldaŭ sekvos aliaj. Kaj tiu fakto eble malfermos novan epokon de nia lingvo kaj starigos, kun la aliaj meritoj, eternan monumenton al la belega stokholma kongreso.

barilon kaj, en la momento kiam malfunkcias ĉies pensoj, la tutan forteon de la karambolo li aliigas en netolereblan grincadon, en la vekrion de la ligno kaj fero. Kiam la ŝipo deflankiĝas de la muro, apud ĝi rapidas la ondo plena de korkoj, elpremitaj el la balono. Ŝajnas, ke sur ĝin estas ŝutita la enhavo de tuko, sur kiu oni malfermis sennombrajn botelojn da vino.

Altaj kaj murmurantaj akvoamasoj ekkaptas la ŝipon ĉe la antaŭkilo, portante ĝin denove al la kontraŭa flanko... Denove ĝustatempe la malgrandulo alvenis... Denove! Lia korpo fleksiĝas trans la barilo, li spionas. Kelkfoje per la fingroj de la nudaj piedoj li kroĉiĝas ĉu al iu koloneto, ĉu al breto de la barilo, jetante sian balonon per tuta forto en la spacon inter la ŝipo kaj la muro, akurate en oportuna momento kaj sur unike eblan lokon. Unu centimetron pli alte aŭ pli malalte, kaj la ŝipo plu ne ekzistus. Sed, tiun ĉi centimetron sentis la malpura kaj ignorata knabo en la koro kaj en lia rapideco estis forteco kaj valoro, kiujn ĝis tiam ne rimarkis la ŝipanoj sur la Danubo kaj la Savo. Ĉiujn ĉi danĝerojn pro karambolo, kiuj signifas senduban teruran pereon, li neniigas kvazaŭ ĉiopova juĝisto de ĉiuj eksterteraj kaj mallumaj fortoj. Per sia sorĉa balono li ŝerceme priridas ilin!

Ĉiufoje post la atako de la »Akcipitro« al la muro, malantaŭ ĝi leviĝas ondo ŝaŭmanta kaj brila, kiu ĝin superŝutas ĝis la duono de la masto. Dum kelkaj momentoj la ŝipo troviĝas en la reto de ŝajnaj perloj, eliĝantaj el la malpura kaj ĵaluza akvo.

Tiamaniere la ŝipo naĝas malantaŭkile tra la kanalo sen sia direktilo. Antaŭ ĝi vetnaĝas laŭflue mutaj kaj malbonaŭguraj heroldoj de granda katastrofo: kestoj, seĝoj, benkoj. Dolorgrincas la korko, dispeciĝas kaj falas en la ondojn.

Kelkfoje svingas la malgrandulo la balonon antaŭ sian korpon, faletas. Li kurbiĝas, la vejnoj sur liaj tempioj bategas. Akre rigardante, per rigardo tranĉa, li serĉas kaj trovas la sekretan punkton de la karambolo. Lin akompanas homaj ekrigardoj, ekhaltas korobatoj. Oni ja sentas, ke li foje tro malfrue alvenos. Ĝi povas okazi ĉiumomente. Tio ja devas okazi!.. Vana estas la batalo kontraŭ la kruela ĉiopoveco, postulanta oferojn. La ofero ne forestos. Nun en la malgrandulo la Dio de l' ekzisto streĉas siajn fortojn, farante miraklojn neniam viditajn! Eble tiuj ĉi penoj savos kaj liberigos iun de la morto, sed la ofero kaj doloro ne mankos. Jam delonge, tuj post la eknaĝo sur la fluejo, en la profundo de sia koro la malfeliĉa homo eksentis la neeviteblecon de viva ofero. Ĝi estis donata dum jarcentoj, ĝi estas donata ankaŭ hodiaŭ per malfermitaj okuloj, senvorte, mute...

La »Akcipitro« kvazaŭ decidis ne trankviliĝi antaŭ ol ĝi traboros la dikegan muron kaj malfermos novan vojon al la ŝipoj tra Fera Pordo. La akvo ĝin plu ne premas, ne ĵetas. Ĝi mem atakas! Ĉiumomente pli forte. Siblas ventoliloj, balbutas kaldronoj. Momente nebulo da vaporo ĉirkaŭas la ferdekon ĝis la tegmento. Vidiĝas al ĝi svingiĝantaj pezaj marteloj. Sed supre, sub la manoj de Vuk knaras la direktilrado senreziste.

Ankoraŭ foje ĝustatempe alvenas la malgrandulo, akompanate de timemaj, admirplenaj ekrigardoj de ŝipistoj,ranguloj kaj eĉ de la komandanto. Li sentas ilin. Inter ili devas esti ankaŭ la ekrigardo de lia frato. Sufiĉe da gloro por li! Ĉiumomente li kuras preter la direktejo, sed al la direktilo li eĉ ne kuraĝas rigardi... Tie estas la frato. Mi ne perfidu lin! Nur mi povas lin defendi ĝis oni kunigos ĉenarojn, ĝis la povo de la direktado estos en liaj manoj. Se li nur unu fojon ekrigardus tien, eble li malkuraĝiĝus kaj malfrue divenus la punkton de nova karambolo. Ĉio estus pereinta... Jes, se li dum naŭ homaj vivoj vivus, por la homoj li pli multe ne povus fari! Ankaŭ ne por sia frato. Precipe se temas pri li, al mi kontraŭstarus nek la ĉielo, nek la mondo, por ke mi helpu al li: Nur unu sola Vuk ekzistas... Nenad ja ne konis la patrinon. La patro ĉiam vagadis pro la komerco. Li grimpadis sur montojn de Valjevo, kulturis porkojn. Li pelis ilin al foiro en Budapeŝton. Ĉiam li rapidis. Nenad memoris, ke malofte li venadis hejmen, kio plejparte estis dum la nokto, kvazaŭ ŝtelisto, kaj ke li estis hejme, tion Nenad matene, post la vekiĝo, divenis nur laŭ la freŝa kaj nazo — tikla odoro de dispecigita greno kaj cetera porkfuraĝo, disĵetitaj kaj piedpremitaj ĉirkaŭ la trogoj. Kelkfoje lin vekis la bruo kaj kurado de la servistoj, kiuj, senĉapaj, viciĝis apud la enirpordo. Poste: hu-



Milleg: *Arkostreĉanto*

# Domflanke . . .

— *Gyula Illyés* —

Domflanke, side sur la al-subtegmenta »grado«
mi aŭdas tiajn vortojn; mi kaptas vin, tomato!
Kaj tranĉas vin duone — kaj poste bis — duone,
jen kiel! Kaj nun saltu — ĉup — en la supon; bone!
La avinet' babilas senĉese, kvankam sola,
ŝi kredas, ke neniu ŝin ĉe la supo bola
atentas. . . sed eĉ tiam, kiam ŝin vidas oni,
al ajoj ŝi ne hontas intimajn vortojn doni:
He, fajro, ne friponu, nu, jam silentu, vere,
la manon ja ne mordu kiel la kok' kolere!
Plenmanon nun da salo; he, kie vi, sal-taso?
Mi portos tuj hejtajon el nia branĉ-amaso.
Terpomo, vi varmiĝos, vi ne bezonas tremi!
Obstina branĉo! Kial vi nun ne volas veni?
Ŝi iras ĉe l' fruktarboj senĉese disputante,
kaj tiam brilaj branĉoj kliniĝas tien kante,
ŝin ekkaresas ame kaj alsusuras varme,
folioj etaj ridas plezure, ĝojolarme
kaj supre, kiel pastroj hostion sanktan, sunon
krepuskan nuboj metas en incensplenan fumon.

Ho Dio, vin kaŝanta en arb', en kampo-sino,
kiel ridet' embuskas en ama junulino,
Vi, kiu pli malfermis ol tiujn de l' poetoj,
l' orelojn de l' avino al viaj sonsekretoj:
mi, kvazaŭ surda, stumblis kun raŭka kri' ebria
post vin en ĉi nigrega, turniĝa mond' vizia,
kiel al ŝi, permesu, ke vin ĉi vort' alondu,
kuraĝe vian vorton simile mi respondu.
Jen, la vespera ruĝo, ĉi tiu best' giganta,
nun miajn ŝultrojn lekas, sin super mi klinanta,
kaj sub la morusarboj, el supaj sep teleroj
al vi ekŝvebas pie ĉielen fum-oferoj;
Ho vidu, la gardantoj de via vort' kaj rido
sekreta, jen, abundas de varma, milda kredo;
do, kiel tiun lastan hebrean vespermanĝon,
ho benu, post suferoj, ilian vespermanĝon.
Kiu en grenon, arbon la sangon verŝis ŝanĝe,
la vian, kaj aldiris: jen al vi, prenu manĝe:
permesu, ke min via pacema vort' saturu,
kaj kiel tiuj Dekdu, de via flam' mi brulu.

Jen, la riveroj bluaj l' alvenan nokton kribas,
pro l' malvarmeta fluo folioj ade vibras.
Mi morgaŭ ekforiros. Ho, la sekreton diru,
ke mi kun arboj, akvoj kunbabilante iru
kaj kun la ar' senscia, kies mi estas ido,
kaj kiuj al sinjoro balbutas eĉ per vido,
tiel senpovas ili. Min benu per la forto:
kompreni, komprenigi min mem, se eĉ sen vorto.
En mutaj trajtdemandoj la sencon mi retrovu,
al la demandoj klaraj respondi mi ekpovu,
kaj miaj vortoj, kiel la vortoj de l' avino,
sonoru plie ĉiam, sonore kaj sen fino,
senpense pri la rido, senpense pri la moko;
ne aŭdas oni ankoraŭ voĉon de l' kora voko.
Tutklare, kiel petaj okuloj de etuloj,
priploras min la mutaj, malgrandaj stelo-bruloj,
anstataŭ floroj ili dum nokto min konsolas,
por doni esperfloron en nokt', kiam mi solas.
Samkiel mil okuloj, sekrete en sorĉligo
demandas rosogutoj sur verdoj de l' brasiko.
Jen do, vojaĝi preta, mi sentas en malhelo:
rigardo sorĉa al mi radias kiel stelo;
sub ridaj kaj larmantaj rigardoj, koraj fortoj,
stimulas reciproke sin ekvagemaj vortoj
en mi, ke min preninte, ili per forto fera
konduku en ĉi tiu balbuta diso tera.
Mi, kiu ĉe la flanko de humila eta domo
stariĝas de la bole varmega fund' — mi, homo,
timante rigardadas, tremanta kaj medita,
supozi mi kuraĝas: mi estas elektita.
Duflanke al mi branĉoj lunlumaj sin klinetas
kaj al la vojo nigrajn bukedojn sternas, ĵetas.

Singarde, inter bedoj — terpom-plantej — mi paŝas,
en bedoj nestas fruktoj, sonĝvarmo ilin kaŝas.

Mi iras sen adiaŭ, se mi ekriverencus,
kokidarĝente ili ploreti tuj komencus.

El la hungara: *F. Szilágyi.*

---

fobatoj, ekknaro de ŝelsakoj, ektinto de ĉenoj, du-tri saltoj sur la ŝtuparo kaj frapado de botoj kun kalkanumferoj. Subite malfermiĝas la pordo, larĝa, blua, kun ruĝa borderaĵo, malantaŭ kiu senvorte kapklinadas la onklino, kiu zorgis pri ili. Ĉiam ŝi havis sur la kapo tukon, pro kio estis videblaj nur ŝiaj cindrokoloraj, zorgemaj okuloj kaj iom da nazo. En la ĉambron eniras korpulenta persono, kun vizaĝo malserena, kaj direktas al li du malgrandajn steletojn — la okuletojn — iom palpebrumantajn. Kvankam li sciis, ke lin atendas multaj sukeraĵoj, ĉokolado kaj »vera« sabro, pistolo kaj multaj novaj ludiloj, pri kiuj li ĝis tiam nur eble sonĝis, kelkfoje li tamen ŝajnigis dormanton. Kelkfoje li eĉ ekdormis, aŭskultante la raŭkan patran voĉon kaj ofte ripetiĝantan tusadon. La sekvan tagon li ĉion kredus sonĝo, se sur la tablo ne estus ludiloj, sukeraĵoj kaj novaj ĉapoj kun verdaj plumoj.

Laŭ lia memoro nur Vuk estis ĉiam kun li. Lia brako estis ofte al li kuseno, li vestis lin, nutris, gvidis al la infanoj kaj en la lernejon. Pro neniu li plupenus, sed pro la frato li devas ankoraŭ! Nur tiun ĉi fojon! La martelbatado malsupre ĉesis, eble estas necesaj nur kelkaj momentoj, por ke la direktilo ekfunkciu. Li savos la fraton kaj la homojn. Sen tiu ĉi lasta strečiĝo de fortoj la tuta antaŭa peno estus vana! Nun, aŭ plu neniam! Helpu, Eternulo!

Streĉiĝis lia tuta forto. Li alvenis, transigis la balonon kaj pene ĝin tenis. Lerte li ĝin ĵetis. Sed, kiam la korpego de la »Akcipitro« apartiĝis de la muro, li falis laŭega apud la barilo ĉe ruĝa signalo. Per sia lasta, nedireble malespera rigardo, li vidis akvoamasojn, kiuj nun ŝaŭmas ĵetante sin super lin. Ili levas la ŝipon, ekskuas ĝin kaj ekportas. Sekve de tio la malgrandulo falas en la akvon kvazaŭ peza, malseka ĉifonaĵo. Kiam de sur la ŝipa galerio oni ekvidas la blondan hartufon de lia kapo, Vuk imagas tion vizio, sed antaŭ Nenad leviĝas nova ondo, kiu lin klare montras al ĉiuj kaj plaŭdegante eksvingas al la muro. Apud la rando ĝi karambolas kun la alia ondo, deprenante la malgrandulon kiel rabaĵon kaj rapide lin portante laŭlonge de la kanalo. Kelkajn momentojn la malgrandulo rajdas sur ia kesto, sed la nevidebla mano rapide ĝin forŝovas de sur ĝi. De sur la ŝipo oni ĵetas savzonon, sed ĝi ne povis lin atingi. Oni konjektas, ke se ĝi eĉ atingus lin, li ĝin ne uzus. Nekonata estas la kialo, sed oni tiel konjektas. Kiu komprenus, ekzemple, tion ĉi: En la kanalo la akvo post momento renversas boaton kaj tamen al la malgrandulo, kiu ne scipovas tro bone naĝi, ĝi ne permesas ke li dronu, kvankam li estas laŭega. Ĝi svingas lin, jen tien, jen ĉi tien, elĵetadas kaj denove forglutas. Ĝi portas lin, ke li mortadu malrapide, kiel eble longe, kaj poste ĝi ĵetos lin al sur

muro aŭ ŝtonego. Ĉu konscie, ĉu senkonscie, li direktis sin kiel li povis, direktante la unuan fojon en la vivo.

Longedaŭraj savekkrioj aŭdiĝis post momento sur la ŝipo. La »Akcipitro« estis ekster la kanalo. Portata oblikve kaj pli malrapide, ĝi plu ne balanciĝis. En la malproksimo antaŭ ĝi la malgrandulo ŝajnis pli kaj pli malgranda. Fine li aspektis malgranda globo, naĝanta al la vojmontrilo. Momenton li haltis ĉe trabo, tuj ekŝanceliĝis kaj ekglitis al la tabulo... Tie li restis.

Vuk eksentis, ke li perdos la konscion, se li estos devigata ankoraŭ unu momenton gardi postene fremdajn kaj nekonatajn homojn kaj per siaj propraj okuloj rigardi dronanta la unuuran fraton. Li savis la tutan ŝipon, kaj lin neniu provas savi, neniu estas tie por etendi al li la manon.

Al li ŝajnis, ke li rigardas la ruĝan, delikatan brakon de la frato, kiu konvulsias, minacante elŝiriĝi el la ŝultro, penante teni la korpon ĉe la vojmontrilo. Tiu estas eĉ la sama mano, kiu al li, al la superulo, la lastan fojon ĉi matene purigis la ŝuojn. Neniam iu alia tiel bone purigis ilin. Al li ŝajnis, kvazaŭ la doloro kaj la sufero enverŝus sin en la galujon. Li estis kliniĝonta por karesi sian ŝuon, sed baldaŭ sobriĝis, regata de honto kaj kolero. Li kunpremis la dentojn, turnis sin flanken, sed ankaŭ tie kaj ĉie estis videbla tiu sama brako. Ĝi konvulsias, ŝiriĝas la karno, rompiĝas la ostoj. La sama brako, kiu varme ĉirkaŭprenis lian kolon en tiu fatala tago, kiam li kaj la frato eksentis la unuan renverson en la vivo. Tiam oni tamburadis antaŭ la hejmo de ilia malfeliĉa patro, kaj tiu akcidento igis ilin forvagi je la surprizo de la tuta vilaĝo. La patro ne volis viva eliri el la domo. Dum la aĉetantoj prezkonkuris, dum tamburis la streĉita ledo, la patro ilin alvokis kaj diris:

— Vuk, filo kara, gardu fraton Nenad. Igu vin ambaŭ viroj kiel vi povos. Kiaj ajn profesiuloj vi estos, ne forgesu ke vi estas homoj kaj ke ĉirkaŭ vi estas homoj... Bone memoru pri tio ĉi, adiaŭ...

Vuk estis tiam dek-kvarjara kaj li ploris. Nenad, tiu malgrandulo sur la vojmontrilo, duoble pli juna ol la frato, pli bone komprenis la patron. Li petis la fraton, ke li kapklinu, ĉirkaŭprenis lian kolon kaj longe, longe ĝin kisis... Nun li kisas feran, nigran tabulon. Ne, eĉ per dentoj li devas ĝin kapti! Ho, belaj, blankaj dentoj, vi rompiĝos! Nenad pereos kaj... jes, poste la patro fermis la pordon. Sekvis pafo, fluis sango, aŭdiĝis vekriado, dolorekkrioj, poste oni alportis la ĉerkon, simplan lignan ĉerkon, sekvis funebra procesio. Kial? Tial ke la patro pruntedonis la monon al amiko, kiu pro porkepidemio perdis sian tutan havajon; li promesis ĉion redoni, sed antaŭ tio oni aŭkciis la havajon de la patro. Tute sama estas ankaŭ la sorto de Nenad...

Lia rigardo vagas laŭ la akvo. Li vidas nun klare du ruĝajn brakojn, preskaŭ braketojn, ĉirkaŭprenantaj la tabulon. Li vidas blondajn, malsekajn harojn, kiuj nun malsupreniĝis sur la okulojn por kaŝi la teruraĵon antaŭ ili. Vidiĝas la mentono, rondeta kaj delikata, la mentoneto kiu estas premata al la tabulo. Eble li senkonsciiĝos, sed en lia cerbo tamen restos malklara impreso pri tiu tempo, kiam li ĉirkaŭprenis la fraton. Jes, tiel estos... Kaj dum la ofico? Ofico estas ofico. Kiam li alkondukis la fraton, tri tagojn li lin gastigis en sia kajuto. La kvaran tagon li sciigis al li, ke li ekestis la »malgranda ŝipisto« sur la »Akcipitro«. Post tio li lin kisis kaj transdonis al la superuloj. De tiu tempo li ne atentis lin alie ol la aliajn ŝipistojn. Li kondutis kontraŭ li kelkfoje malpli delikate ol kontraŭ la aliaj, kelkfoje eĉ tro severe. Al Vuk ŝajnis ĉio ĉi tute natura, al la aliaj stranga. Tamen, kelkaj konfesis, ke oni ja devas suferi en la metio por plifortiĝi...

Gardas Vuk postene la sorton de nekonataj viroj kaj virinoj, kiujn li eble neniam plu renkontos, sed li faras eĉ ne unu ekmovon por savi la malfeliĉan fraton, kiu persiste batalas kontraŭ la netakseblaj fortoj de la sorto, kvazaŭ li defendus cent vivojn. Tial Vuk subite ekmalamis la tutan mondon. Al si mem li ŝajnis aĉa perfidulo. Pli ol aĉa, eĉ putra ĉifonaĵo, kiu nur pligrandigas la amason da sterko!

Li ekvidis la boaton. Ĉu estus io pli natura ol salti en ĝin, ekremi per ĉiuj fortoj kaj helpi al la frato, alveni ĝustatempe, aŭ eĉ tute ne reveni? Sed ankoraŭ li hezitas, skuas la radon. Poste li provas sin mem akuzi, nomante sin malkuraĝulo. Sed, ne longe. Ĉu malkuraĝulo, se li sendube deziras salti en la akvon? Post momento li ekparolas kvazaŭ en deliro, ke li ne rajtas ekkuri kaj alveni ĝustmomente kiel iam dum la ludo, kiam Nenad falis en la marĉon. Liaj pensoj jen funkcias, jen malfunkcias, la lipoj deformiĝas. Li rigardas al la bordo, sed ankaŭ tie li vidas la vojmontrilojn ĉirkaŭprenitaj de la ruĝaj brakoj de Nenad!

Post kelkaj momentoj al Vuk ŝajnis, ke li plu ne posedas la koron, ankaŭ ne la intestojn kaj la aliajn organojn. Li tute malpleniĝis kiel la spaco inter la muro de puto, kiu pliprofundiĝas per neimagebla rapideco. Li tremas antaŭ sia propra profundeco! Li baraktas kaj tuj li falos, entombiĝos en si mem...



Roslin: *Gustavo Tria*

# Venĝo*

— I. Ŝirjaev —

Lia episkopa moŝto vekiĝis malfrue, kiel ĉiam, kun kapdoloro kaj nekomprenebla ŝarĝego en la tuta korpo. Li estis jam maljunulo kaj dormo ne liveris al li, kiel iam antaŭe, refreŝiĝon. Farinte krucosignon, li ekrigardis la oran poŝhorloĝon, kiu kuŝis apude sur noktotablo kaj eksonorigis per malgranda arĝenta sonorileto. Li streĉis la orelojn kaj longe atendis. Ĉirkaŭe estis silento, nur ie ne malproksime aŭdiĝis monotona, trudema preĝejsonorado. Malagrabla sento de soleco kaj forlasiteco kunpremis subite lian koron. Li laŭte ekĝemis kaj vokis per malkontenta, ĉagrena voĉo:

— Vitalo, Vitalo!...

La pordo senbrue malfermiĝis kaj altkreska, maldika figuro de juna monaĥo-servanto aperis en la ĉambro. Li fermis post si la pordon kaj, respektoplene riverencinte al la kuŝanto, haltis en humila pozo, mallevinte la manojn laŭlonge de la flankoj kaj iom klininte la kapon.

— Levu la fenestrokurtenon!.. — diris la episkopo ordone. — Mi sonorigis al vi, ĉu vi surdiĝis? — li grumblis, fermetante la dormemajn okulojn pro la hela lumo, kiu subite ekfluis torente tra la fenestro en la ĉambron. — Ho, Sinjoro, Sinjoro!.. tute neniun mi povas fidi... Kaj se mi subite malsaniĝus, kaj se mi subite eksentus proksimecon de mia fino?... Kio estus tiam?.. Ĉu mi devus morti sen ies helpo? Nu, kial vi staras kvazaŭ idolo?

— Pardonu, episkopa moŝto, — respondis la servanto, ree riverencante al sia sinjoro, kun pala vizaĝo kaj indiferenta mieno. — Mi delonge atendis apud la pordo, sed oni sonorigis... mi iris malŝlosi la enirpordon...

La episkopo sulkis la frunton, kvazaŭ ekmemorinte ion, kio lin jam delonge tedas.

— Ĉu jam venas vizitantoj?.. — li demandis kun ĉagreno Vitalon, sin vestante kun lia helpo.

— Jes... Jus venis en la akceptejon du pastroj, maljunulino malriĉe vestita...

— Kiam, Vitalo, finiĝos tio ĉi? Ĉiutage, ĉiutage sen ia interrompo atakas min diversaj vizitantoj... Nu, kiam mi laboros?.. Ja, krom tiuj ĉi tedaj vizitantoj, mi havas multege da zorgoj, laboro. Mi plezurege laborus iom matene, sed oni turmentos min ĝis la tagmezo per siaj petoj, raportoj... kaj post tio mi ree fariĝos laca kaj ne laborkapabla.

Vitalo helpis al li apud la lavtablo. Li longe sin lavis per malvarma akvo, spirblovis, ĝemis kaj ŝprucigis la akvon al ĉiuj flankoj. Fine, laciĝinte li sidiĝis apud t kaj, viŝante sian vizaĝon, sin turnis al la monaĥo:

— Nun foriru... Preparu teon, mi iom preĝos. Ho-o!.. Dio mia, Dio mia!.. Nu, foriru! — sed apenaŭ la monaĥo malfermis la pordon por eliri, la episkopo haltigis lin: — Atendu! Iru antaŭe en la akceptejon kaj demandu tie la atendantojn, kion do ili bezonas? Jes!.. Diru al ili, — li aldonis post iom da hezitado kaj jam per karesa voĉo: — diru al ili, ke ili venu morgaŭ... ke mi malsanetas... Vere, mi sentas kapdoloron... Mi, kompreneble, ne estas ja maŝino, ankaŭ mi bezonas ja ripozon... Nu, ili iom atendu... ĝis morgaŭ, se ili ion bezonas de mi! Jes, karulo, iru, faru tiel, mi petas...

La servanto silente riverencis kaj foriris, neniom mirante pro la stranga peto.

La episkopo jam delonge uzis ĉiutage la saman manieron de akceptado kaj kelkaj malfeliĉuloj, venintaj eble de malproksime en la urbon pro urĝaj aferoj, devis longe loĝi en la urbo kaj ĉiutage vizitadi antaŭ ol ricevi aŭdiencon.

La teo estis kutime preparita en komforta gastoĉambro. La episkopo preferis ĝin trinki sola kaj, krom Vitalo, ordinare, neniu ĉeestis tiam. Nun, sidiĝinte en mola aposeĝo, li ne havis ankoraŭ tempon trarigardi la matenan poŝton, kiam Vitalo, kiel ombro, aperis antaŭ la tablo kun kutimaj respektoplenaj riverencoj kaj indiferenta mieno.

— Nu, ĉu ili foriris?.. Ĉu vi diris al ili?.. — demandis la episkopo kun rimarkebla maltrankvilo.

— Mi diris... La pastroj foriris, sed la maljunulino... ŝi jam triafoje serĉas vian aŭdiencon.

— Nu?

— Ŝi ne foriras. Ŝi ploras kaj petas, ke vi mem aŭskultu ŝin...

— Kiu ŝi estas?

*) Jus ni ricevis tiun ĉi postmorte trovitan noveleton de la karmemora pastro.

---

Denove li observas la boaton. Per la dentoj li premas la langon, elkraĉas multe da sango. La maldekstran ŝultron li jam elŝovis tra la fenestro, ekpuŝis la lastan fojon la radon, kaj — mirakle, ĝi subite ekrezistis! Li ĝin turnas forte, ankoraŭ ne kredante je tio. Ekfajfas kaj eknaĝas la »Akcipitro«, akompanate de la ekkrioj de ĝojo de sur la tegmento. Pro la granda feliĉo Vuk preskaŭ svenas... Jes, li alvenos ĝustatempe... tamen li alvenos! »Ho, Nenad, frato, persistu ankoraŭ momenton, nur iomete!...

Sur la ŝtuparo li ekvidas subite la kapon de la maŝinisto kun dikaj lipoj. La lipoj konvulsias kaj Vuk eksentas, ke li aŭdos nenion bonan. En liaj oreloj zumas. Li komprenis nur, ke la maŝinisto postulas kiel eble plej baldaŭan albordiĝon. La ĉenaro denove krevos! Al la kaldronoj minacas akvo! Eble post unu sekundo aliiĝos la sorto de la ŝipo, ĉar nur sur tiu ĉi loko oni povas albordiĝi. Sed, ĝis la vojmontrilo la distanco ne estas pli granda ol ducent metroj...

— Ne pro la tuta mondo, ne pro la tuta ŝipo, Dio...! — pensas Vuk direktante la ŝipon al la vojmontrilo. Aliiĝas la vizaĝo de la kapitano staranta antaŭ li. La komandanto paliĝas kaj rigardas lin, nenion diras, kvazaŭ li estus mutiĝinta. Liaj okuloj enkaviĝas. Ege dislarĝiĝas la okulkavoj direktataj al Vuk, samtempe rigardantaj la ŝipon kaj la vojmontrilon. La okulkavoj de la morto!

— Kompatinda frato, ekĝemas Vuk.

Per tuta forto li turnas la radon, redirektante la ŝipon al la bordo...

Apenaŭ kiam la ŝnuregoj estis eljetitaj, kiam la ankro falis en la akvon kaj ĝiaj ĉenoj streĉiĝis, lia ekrigardo ekvagis laŭrivere. Unuavide li rimarkis nenion krom flava akvo, kies ondoj disvastiĝas ĝis kie oni povas vidi. La ondo leviĝas apud la ondo... La ondoj renkontiĝas, plaŭdas, malaperas unuj post la aliaj... Malrapide klariĝadas antaŭ liaj okuloj. Estas videblaj la bordoj, inter ili la rivero. En la mezo saltetas la nigra tabulo — sur kiu estas plu neniu!

El la kroata: *S. Balkanano*

— Ŝi estas malriĉa vidvino...

— Ĉu ŝi petas subtenon?

— Ŝi nenion diras, nur ploras kaj... vian episkopan moŝton ankoraŭ atendas generalo, fraŭlino, nia monaĥeja kasisto patro Parmjen...

Sed lia episkopa moŝto jam ne aŭskultis plu la monaĥon. Guste en tiu momento en lian kapon subite venis flanka penso kiu plaĉis al li pli, ol la teda raporto pri vizitantoj. Timante, ke la penso ne malaperu same subite kiel ĝi aperis, la episkopo sulkis la frunton kaj eksvingis per la mano:

— Kaj kie estas Kubrik? Mi tute forgesis pri ĝi, ĉu vi nutris ĝin hodiaŭ?

— Ĝi dormetas sur mia lito, via episkopa moŝto. Mi satigis ĝin laŭkutime.

— Nu, bone, bone! — la episkopo ekspiris pli facile. — Observu, ke ĝi ne foriru ien malproksimen, ke oni ĝin ne ofendu... Nu, bone!.. Foriru, mi trarigardos la leterojn.

Vitalo jam turniĝis al la pordo, kiam la episkopo lin ree haltigis:

— Iru, mi petas, ree en la akceptejon, diru, ke pro mia malsano mi tute ne povas akcepti hodiaŭ, ke ili venu morgaŭ... Atendu, kien vi rapidas? Antaŭe aŭskultu, kion oni ordonas, kaj nur poste agu... Jen, pro via stulta rapidemo, mi jam forgesis, kion mi volis aldoni ankoraŭ... Alportu Kubrikon, jen kion mi volis diri! Poste trovu ie en la monaĥejo patron Parmjen kaj venigu lin...

— Patro Parmjen estas en la akceptejo...

— Kial vi ne diris tion tuj?

— Mi diris...

— Se vi diras, mi aŭdas... Vi ĉiam penas vin pravigi!.. Nu, iru, plenumu ĝuste... ne forgesu Kubrikon kaj patron Parmjen!

*

Patro Parmjen, la kasisto de la monaĥejo, estis dika malaltkreska monaĥo kun bonanima, ĉiam ridetanta vizaĝo. Krom li la episkopo, ŝajne, ŝatis neniun el siaj monaĥoj.

Patro Parmjen apenaŭ havis tempon fari la kutimajn krucosignojn antaŭ ikonoj kaj riverencojn antaŭ la episkopo, kiam tiu jam ekparolis:

— Nu, mi dankas vin, ke vi ne forgesas min maljunulon malsanan... Ree mi sentas kapdoloron kaj...

— Tio ĉi okazas, via episkopa moŝto, pro la malbona vetero... — interrompis lin patro Parmjen, kisante lian manon, sed tuj ĉesigis la parolon, konsiderinte, ke — jam de kelkaj tagoj estas bela vetero.

— Eble, eble!.. — respondis la episkopo, ne rimarkante la konfuzon de la alia. — Mi jam ne volis ellitiĝi hodiaŭ... Kaj, oni diras, la akceptejo hodiaŭ ree estas plena de tedemaj vizitantoj! Se mi havus fortojn...

— Ĉiuj jam foriris, episkopa moŝto, nur...

— Nu, gloron al Dio... Kiam mi resaniĝos...

— Nur vidvino malriĉa restis tie... Ŝi ploras kaj ne volas foriri...

— Hm... Nu, ŝi...

La pordo malfermiĝis kaj eniris Vitalo kun granda blanka, grasa, harоriĉa siberia kato inter la brakoj. La okuloj de la mastro tuj ekbrilis kaj, forgesinte ĉiujn siajn malsanojn, li vigle forsaltis de la seĝo.

Tiun ĉi katon donacis al la episkopo antaŭ du jaroj patrino Antonina, estrino de virina monaĥejo. Li kore alligiĝis al la bela besto.

— Ha, mia karulo!.. — li diris afable, prenante la katon kaj karesante.

— Ĉu vi, Kubrik, volas manĝi? — li metis antaŭ la kato grandan pecon da mola bulko, sed Kubrik ĝin eĉ ne atentis. Alpremiĝinte al la brusto de la mastro, la kato fermis la okulojn kaj gaje ekmurmuris.

— Ha, vi plezuras, se mi vin karesas!.. Vi plezuras, petolulo!.. — la maljunulo parolis, karesante per la mola, dika mano la dorson kaj la orelojn de la



Cederström: *Funebra procesio (Karlo XII. hejmenportata).*

besto. — Ankaŭ mi plezuras, se vi estas ĉe mia brusto kaj murmuretas tiel dolĉe... ankaŭ mi plezuras! — kaj sin turnante jam al patro Parmjen, kiu same kliniĝis super la kato kaj kun iom ironia mieno de sia ĉiam ridetanta vizaĝo, balancante la kapon, rigardis jen lin, jen la beston. La episkopo subite ekdiris: — Ne mallaŭdu min, patro!.. Mi amas ĝin, mi amas... Eh'e, tio estas peko, sed...

— Nenia peko, episkopa moŝto, — diris la patro kasisto, — kontraŭe... Vi scias, eĉ en la Skribo estas skribite: »Feliĉega estas homo, kiu... kiu bestojn...« Se en Via amo estus io peka, la Skribo ja ne nomus vin »feliĉega«...

La episkopo aprobe kaj ĝoje ekbalancis la kapon kaj kontente ekrigardis la gaston.

— Mi amas... — li ekflustris. — Kaj ofte mi pensas kun malĝojo: kiu karesos ĝin, kiam mi estos mortinta?

— Forpelu, episkopa moŝto, tiajn pensojn malgajajn! Vi vivos ankoraŭ... Por feliĉo de via eparkio, por bono de la Eklezio vi devas vivi longe...

— Ne ĉiu tiel opinias, patro Parmjen... Mi havas, mi scias, en la eparkio, ankaŭ en la monaĥejo multajn enviulojn, malamikojn . . kiuj malpacience atendas mian morton... Kaj kian malbonon mi faris al ili? Kion ili profitos el mia morto?... Nu, mi mortos, sed ĉu iu scias, kia estos mia posteulo?.. He, mi scias, mi antaŭsentas, ke poste oni bedaŭros min...

La episkopo elprenis el poŝo nazotukon kaj viŝis la okulojn.

— Kaj jen, konsiderante ĉion tion ĉi kaj antaŭvidante la finon baldaŭan, mi ofte, ho, tre ofte pensas pri Kubrik... iafoje tutan nokton mi ne dormas, vere! Neniu defendos ĝin, neniu karesos, kontraŭe, ho, mia Dio!.. Gi, malfeliĉulo, havas ne malpli da malamikoj ol mi mem kaj, krom tio, ĉiuj miaj malamikoj nature estas ankaŭ ĝiaj malamikoj... Kaj Dalmato la unua... Apenaŭ mi mortos, li tuj mortigos ĝin . . .

— Mi, kaj ankaŭ Vitalo, neniam, episkopa moŝto, permesos tian malhomaĵon...

— Je Vitalo mi ne fidas multe... li hipokritas...

— Kaj mi?.. — kun ardo ekkriis patro Parmjen, rektiĝante antaŭ la episkopo.

— Vi, eble...

La konversacion interrompis Vitalo, kiu eniris, alte tenante en la manoj flavruĝan maldikan mizeran katon, kiu, penante liberiĝi el la ostecaj malmolaj manoj de la monaĥo, baraktis kaj akre-plende miaŭis.

— Ha, rabisto!.. — ekkriis la episkopo kaj lia malgaja vizaĝo lumiĝis de gaja rideto. — Vitalo, ĵetu ĝin kaj fermu la pordon, ĝi forkuros...

— Gi ne forkuros! — memfide tiu respondis, malice — ĝoje ĵetante la kataĉon meze de la ĉambro kaj ne deturnante de ĝi sian rigardon.

La kataĉo kelkfoje ekternis kaj, ordigante per la lango sur la flankoj la ĉifitan lanon, malrapide ekpaŝis en angulon sub seĝon.

Kubrik, tuj kiam eniris Vitalo, starigis la orelojn kaj malamike rigardis la kataĉon.

La kataĉo, kiun alportis Vitalo, apartenis al patro Dalmato kaj lia episkopa moŝto kun granda plezuro observis ĉiam bataladon inter la katoj kaj plezuris pri la supereco de Kubrik je la mizera, ĉiam malsata kataĉo. Vitalo ĉiutage ie kaptadis la kataĉon kaj ofte liveris la plezuron al la mastro. Tuj kiam la kataĉo malaperis sub la seĝo, Kubrik forsaltis de la mastro, Vitalo tuj formetis la seĝon, por ke nenio malhelpu al lia episkopa moŝto observi la bataladon. Ciuj silentiĝis, fikse rigardante la bestojn, la mastro eĉ detenis la spiradon.

Dum iom da tempo la malamikoj, kvazaŭ tute ne rimarkante unu la alian, diligente sin ordigis. Kiam tio jam tedis la episkopon, li facile kaj nerimarkeble ekpuŝis per la piedo Kubrikon kaj ekflustris:

— Kubrik, batu ĝin, sentaŭgulon!

Kubrik faris grandan salton antaŭen kaj haltis je du paŝoj antaŭ la kataĉo. Tiu tuj starigis la orelojn, kuntiriĝis, kurbigis la voston kaj retiriĝis. Kubrik faris ankoraŭ unu paŝon antaŭen; la kataĉo etendis antaŭen, kvazaŭ por defendo, unu piedon kaj plende ekmiaŭis.

## LA MARVOJAĜO DE JONA

— E. A. Karlfeldt —

Kiam ŝipo fortligite
staris ĉe la bord, subite
sur ferdeko la ŝipestro kriis: »Blovu vent' de l' mar'!
He, ŝipanoj ĝojebriaj,
iru nun al lokoj viaj,
la kolombojn vi forgesu pro la mevoj de l' ondar'!«
Kaj jen movas sin la ŝipo rapidante al la cel',
kaj jen pendas dalekarloj en ŝnuraro sen ŝancel',
kaj jen staras kapitano
kun botelo en la mano,
kaj li drinkas nun kaj ĝojas, sin kaŝante post la vel'.
Sed la maraj drakoj sputas,
sur la ŝipon akvon ŝutas,
la botelo de l' ŝipestro flugas for de lia lip'.
Tiam ege li sovaĝas:
»Jen, la ŝip' apenaŭ naĝas!
Kiu estas plejdikulo? Lin elĵetu el la ŝip'!«
Kaj jen Jona, la profeto, tre modesta vojaĝant'!
Estas dika li kaj digna, decaspekta Di-servant'.
La vizaĝo palmienas,
lia man' la ventron tenas,
laŭvide malbonfartas li, alborda sopirant'.
Vidu, tre malbone fartas la alborda sopirant'!
Kaj jam Jona'n kaptas manoj,
sed li petas: »Ho, ŝipanoj,
min indulgu, ĉar mi estas fidsendito ja de Di'.«
Sed respondas ili: »Viro,
firmkredanto, nun per iro
savu vin, sed pro la graso certe naĝos bone vi.«
Kaj jen Jona en l' aero rektestaras dum la fal',
la surtuto suprenblovas pro la poza vertikal',
kaj en mar' senmove kuŝas
granda monstro kaj gapbuŝas,
kaj enfaŭke larĝe brilas dentovic' en blanka pal'.
Teranar' feliĉa estas,
ĉar tre fore ili restas
de l' bestegoj, kiuj blekas en la mara malseren'!
Ili pensu pri ŝipanoj,
kiujn trafas uraganoj,
kaj pri tiuj, kiujn glutas poste ŝarko aŭ balen'!
Jen ni Jona'-n vidas stari en balena la intern'!
Tre malsane li aspektas, fordeziras el kavern'.
Estas nigra ĝi kaj ŝlima,
la plafon' al plank' proksima,
la profeto kaŭri devas en malvasta loĝkazern'.
Sed la sankta skribo vera
nin informas, ke libera
fine Jona elfiŝiĝis post multtaga ondokrak',
jen montriĝas, ke l' surtuto
per la dentoj ĉe l' elsputo
detondiĝis, transformiĝis je ŝirita trua jak'.
Jen sur verda bordo Jona ĝuas freŝon de promen'!
Ŝildon jen li nun alstrabas kun videbla ĝojmien'!
Jen sur stablon monon metas
li, post fiŝo, drinkon petas,
kaj por ĉiuj samlandanoj petas mi pri sama ben'.

El la sveda: *Gust. Johansson.*

La okuloj de la bestoj brilis kiel ardaj karboj, la dorsoj kurbiĝis kiel arkoj. Nun Kubrik sentime saltis al la kataĉo kaj subite ĝin ekfrapis el ĉiuj fortoj je la kapo. La frapo estis tiel forta kaj tiel neatendita, ke la kataĉo transkapiĝis kaj laŭte eksiblis eksvingante en la aero ĉiujn kvar piedojn. Kubrik, ŝajne, atendis ĝuste tion ĉi. Uzante la momenton, ĝi ekkaptis la kontraŭulon je la gorĝo per la dentoj kaj eltrenis ĝin el la angulo pli proksimen al la rigardantoj. Komenciĝis longa kaj kruela batalado. La kataĉo sin defendis kiel ĝi povis, gratante la ofendinton, kiu, instigata de Vitalo, senĉese atakis ĝin jen de unu, jen de la alia flanko. La bestoj, kunkroĉiĝinte, ruliĝis tra la ĉambro kun laŭta murmurado kaj miaŭado. Sed jam post nelonge estis rimarkeble, ke la kataĉo laciĝas kaj senfortiĝas, dum Kubrik ankoraŭ havas nekonsumeblan energion. Nur kiam la senfortiĝinto, liberiĝinte de la akraj dentoj de la fortulo, sin kaŝis malhonore sub la kanapon kaj elmontris plu nenian deziron daŭrigi la batalon, la venkinto, sin ordigante, malrapide revenis la la mastro.

La episkopo etendis al ĝi la manojn, Vitalo serveme metis ĝin ree inter la brakojn de la mastro.

— Nu, mi dankas vin, mi dankas... — li ridis ankoraŭ, karesante Kubrikon. — Vi gajigis min, maljunulon... — kaj, sin turnante al patro Parmjen, li aldonis: — Nun patro Dalmato tutan semajnon kuracos sian kataĉon kaj bone, meritite al ili ambaŭ... Ha-ha-ha...

Vitalo kolektis sur la planko flokojn de katlano kaj senkompate elĵetis la venkiton.

— Ho, mi laciĝis!.. — ekĝemis la episkopo, leviĝante de la seĝo kaj zorgeme alpremante al la brusto la katon. — Mi iom ripozos en la lito kaj vi, patro Parmjen, prenu la korespondaĵon de la tablo kaj portu ĝin al la sekretario, ke li ĉion ordigu... Mi tute ne havas fortojn...

*

Pasis unu jaro. Kubrik plidikiĝis kaj pligrasiĝis kaj pro tio fariĝis pli malvigla kaj pli maldiligenta. Plidikiĝis ankaŭ ĝia mastro. Kiel antaŭe, sub preteksto de ĉiama malsaneco, li evitis sian laboron. Kiel antaŭe, Kubrik plezure dediĉis sian tempon liberan al esplorado de la provizejoj de l' monaĥoj. Kiel antaŭe, ĝi senpune manĝis tie kremon kaj kolbasojn, kiujn diablo iafoje metadis tien por delogi la piajn maljunulojn. Ĉiuj sciis, kiu estis la kulpulo, sed silentis kaj nur iafoje ĝemetis pro ĉagreno. Nur patro Dalmato, nenion timante, kiel antaŭe, batis ĝin ĉe ĉiu renkontiĝo kiel li povis.

Iun nokton la episkopo mortis pro apopleksio, farinte nenian testamenton pri sia havaĵo. La enterigan ceremonion, la ordigon de la loĝejo kaj havaĵo de l' mortinto administris patro Parmjen kun la helpo de l' servema Vitalo. Kiam alvenis la parencoj de la mortinto, ili estis surprizitaj, trovinte nek eĉ unu kopekon, nek ian valoran aĵon. Ĉiuj sciis, ke la mortinto estis riĉa kaj avarema, sed patroj Parmjen kaj Vitalo ĵuris, ke li estis neprofitemulo kaj malŝatis la malbenitan monon, disdonante ĝin al malriĉuloj. Ili, kvazaŭ antaŭe interkonsentinte, responde je demandoj de la parencoj pri heredaĵo, ĉiam nur montris Kubrik-on, laŭdante ĝian neordinaran saĝon kaj lertecon en katbatalado kaj viŝis la sekajn okulojn per siaj larĝaj manikoj rememorante la patran amon de la mortinta episkopo al la besto. Tamen, nek la laŭdoj, nek la larmoj efikis, — neniu el la parencoj eĉ atentis la katon. Ili dividis tiun mizeran havaĵon, kiun oni restigis por ili, kaj forveturis. Kubrik restis sola de neniu ŝatata, de neniu prizorgata.

Vitalo jam ne nutris ĝin, sed ĉiam batis, ke ĝi plu ne venu en la ĉambrojn. Aperi en la provizejoj nun estis danĝere, ĉar tuj kiam ĝi aperis, oni senkompate batis ĝin ĉie, venĝante al ĝi la antaŭajn pekojn. La kato vagis tra la monaĥejo maldika, hirta, laŭte miaŭante pro malsato kaj batdoloro.

Nova episkopo longe ne venis kaj kelkaj el la monaĥoj, sentante sin liberaj, iom post iom, ne havante plu fortojn kontraŭstari la insidajn tentojn de la diablo aginta nun jam kun tia aroganteco, kvazaŭ li jam estus tute transloĝiĝinta en la sanktan lokon, ofte dum vesperoj, kiam la pordego de la monaĥejo estis ŝlosita, diboĉis kaj eĉ kantis laikajn pekajn kantojn. La pli maljunaj kaj saĝaj el ili, cetere, ne partoprenis tiajn maldecaĵojn kaj pasigis la tempon per pli prudentaj amuzaĵoj. Foje, kunveninte en la modesta ĉambro de patro Dalmato, ili rememoris la mortinton kaj lian bonecon... al la kato. Vitalo, ordinare veninta kun Kubrik inter la brakoj, komencis la amuzaĵojn. Senkompate turmentante la malfeliĉan katon per neatenditaj pinĉoj kaj puŝoj, li, mokimitante la gestojn kaj parolmanieron de la mortinto, ŝajnigis, ke li karesas la beston. La ĉeestintoj ridegis pro plezuro kaj ju pli laŭte pli kortuŝe miaŭis la malfeliĉulo, des pli kreskis ilia gajeco. Fine, la kato, perdinte la paciencon, dolorige mordis aŭ gratis la turmentiston je la mano, kaj tiu devis ĝin liberigi.

Nun komenciĝis nova, pli vigla kaj pli gaja sceno, kiun jam partoprenis ĉiuj ĉeestintoj. La kato kuris tra la ĉambro kiel freneza, penante trovi elirejon aŭ ian kaŝejon, sed la pordo kaj fenestroj estis antaŭe zorge fermitaj kaj estis trovebla nenia rifuĝejo. La monaĥoj senkompate piedpuŝis la beston, batis kaj



Hasselberg: *La rano*

# BOTOJ

— Anton Ĉeĥov —

La piano-agordisto Murkin, viro flavvizaĝa, razita, kun nazo tabaka kaj vato en la oreloj, eliris el sia hotelĉambro. Per tremsona voĉo li ekkriis:

— Hej, Semjon! Hej, koridoristo!

Rigardante lian ektimigitan vizaĝon, oni estus povinta supozi, ke la gipso falis de l' plafono sur lian kapon, aŭ ke li ĵus ekvidis fantomon en sia ĉambro.

— Ho, Semjon! — li kriis al la alkuranta koridoristo. — Kio do tio estas? Mi estas reŭmatismulo, malsanemulo, kaj vi devigas min eliri nudpiede! Kial vi ne alportis al mi ĝis nun la botojn? Kie ili estas?

Semjon eniris la ĉambron de Murkin, rigardis la lokon, en kiu li kutime metis liajn purigitajn botojn. Li ekgratis la nukon: la botoj ne estis tie.

— Kie do ili povas esti, la malbenitaj? — diris Semjon. — Vespere, ŝajnas, mi purigis ilin kaj metis ĉi tie... Hm!.. Mi konfesas, ke mi iom drinkis hieraŭ... Oni devas supozi, ke mi metis ilin en alia ĉambro. Jes, certe, Afanasij Grigoriĉ, en alia ĉambro. Diablo! Estas ja multe da botoj. Ĉu oni kapablas distingi en ebria stato, kiam oni ne konscias?.. Kredeble, mi metis ilin ĉe la sinjorino kiu loĝas apude, ĉe la aktorino...

— Kaj pro vi mi nun maltrankviligu sinjorinon! Mi veku honestan virinon pro bagatelo!

Gemetante kaj tusante Murkin proksimiĝis al la pordo de la ĉambro apuda kaj singarde ekfrapis.

— Kiu estas tie? — ekaŭdiĝis post minuto virina voĉo.

— Estas mi, — respondis Murkin per plenda voĉo, stariĝante en pozon de bonmanierulo, kiu alparolas sinjorinon monduman. — Pardonu pro la maltrankviligo, sinjorino, sed mi estas reŭmatismulo, malsanemulo. La doktoroj ordonis al mi teni la piedojn en varmo. Tiom pli, ke mi devas nun iri agordi fortepianon ĉe la generaledzino Ŝevelicin. Mi ne povas ja iri nudpiede!..

— Sed kion vi volas? Kiu fortepiano?

— Ne estas fortepiano, sinjorino, sed koncernas botojn! La malklerulo Semjon purigis miajn botojn kaj erare metis ilin en vian ĉambron. Estu do, sinjorino, tiel afabla, donu al mi miajn botojn.

Ekaŭdiĝis susuro, salto el lito kaj pantofla plaŭdo. La pordo malfermiĝis kaj maneto virina, graseta, elĵetis paron da botoj al la piedoj de Murkin. La agordisto dankis kaj eniris sian ĉambron.

— Strange... — li murmuris, surmetante la botojn. — Ĝi kvazaŭ ne estas la dekstra boto. Estas ja du maldekstraj botoj! Ambaŭ estas maldekstraj! Aŭskultu, Semjon, ĉi tiuj botoj ne estas miaj. Miaj botoj estas kun ruĝaj oreloj kaj sen flikaĵoj. Ĉi tiuj estas ŝiritaj, senorelaj...

Semjon levis la botojn, plurfoje turnis ilin antaŭ siaj okuloj. Lia vizaĝo malbonhumore kuntiriĝis.

— Estas la botoj de Pavel Aleksandriĉ, — li murmuregis malrekte rigardante. Li strabis je la maldekstra okulo.

— Kiu Pavel Aleksandriĉ?

— La aktoro... Li venas ĉi tien ĉiumarde. Mi verŝajne metis ambaŭ parojn en ŝian ĉambron, vian kaj lian; kaj li surmetis viajn botojn anstataŭ siaj. Jen afero!

— Iru do kaj ŝanĝu!

— Ĉu vere? — ekridetis Semjon. — Iru kaj ŝanĝu!.. Sed kie mi nun trovu lin? Li jam foriris antaŭ unu horo... Mi iru serĉi venton sur kampo!

— Kie li loĝas?

— Kiu scias? Li alvenas ĉiumarde, sed, kie li loĝas, ne estas konate al mi. Li venas kaj pasigas la nokton. Poste oni atendu lin ĝis la proksima mardo.

— Jen vidu, porko! kion vi efikis. Nu, kion mi faru nun? Estas tempo, ke mi iru ĉe la generaledzino Ŝevelicin, ho malbenito! Miaj piedoj frostiĝis!

— Ne necesas multe da tempo por ŝanĝi la botojn. Surmetu ĉi tiujn kaj iradu en ili ĝis la vespero, kaj vespere — en la teatron. Tie vi informiĝu pri la aktoro Blistanov... Se vi ne volas iri en la teatron, vi devos atendi ĝis la proksima mardo. Sole marde li venas ĉi tien...

— Sed kial estas ĉi tie du maldekstraj botoj? — demandis la agordisto, altuŝante la botojn kun sento de abomeno.

— Li surmetas botojn, kiajn Dio sendis al li. Pro malriĉeco... Kie aktoro trovus rimedojn? Kelkafoje mi diras al li: »Kiajn botojn vi havas, Pavel Aleksandriĉ! Estas honte!« Kaj li respondas: »Silentu kaj paliĝu! Kun ĉi tiuj samaj botoj mi ja ludis rolojn de grafoj kaj princoj.« Vere, strangaj homoj! Unuvorte, artistoj. Se mi estus guberniestro aŭ ia ajn estro, mi kolektigus ĉiujn tiujn artistojn kaj enkarcerigus ilin.

Senfine ĝemante kaj sulkigante la vizaĝon, Murkin surtiris la du maldekstrajn botojn sur siajn piedojn. Lamentante, li foriris al la generaledzino. La tutan tagon li paŝadis en la urbo, agordante pianojn; kaj la tutan tagon ŝajnis al li, ke la tuta mondo rigardas

---

trenis ĝin tra la ĉambro je la vosto, se ĝi penis sin kaŝi sub ŝranko. Ĉiu ekpuŝo, ĉiu ekbato estis akompanata de laŭtaj ekkrioj de la turmentintoj:

— Ĉu vi memoras, malbenita, miajn kolbasojn?

— Ĉu vi forgesis, ke vi ne unufoje manĝis mian kremon?

— Kiom da fojoj pro vi, sentaŭga kataĉo, oni riproĉis min! Jen la repago!..

— Malbenita kreitaĵo!.. Kiom da fojoj mi intencis vin mortigi...

Kune kun la veno de l' nova episkopo ĉesis la diboĉoj, ankaŭ la turmentado de multesuferinta Kubrik. Ĉies atento estis turnita sole al la noveveninto kaj ĉiu el la monaĥoj celis nur pli hipokriti antaŭ li kaj almiliti al si lian simpation kaj favoron. La katon iom post iom oni tute forgesis. Tage ĝi ne kuraĝis aperi proksime de monaĥloĝejo kaj nur dum noktoj, laŭte kortuŝe miaŭante, ĝi vagis ĉirkaŭ la episkoploĝejo, kie antaŭ nelonge ĝi ankoraŭ ĝuis tian feliĉan vivon.

Unufoje, malsupreniĝante en la ĝardenon, la episkopo rimarkis Kubrikon sur la ŝtuparo. Gia strange — mizera kaj sovaĝa aspekto, ĝia malkuraĝa miaŭado lin surprizis.

— Jen sovaĝa kato, — li diris riproĉtone al Vitalo, kiu lin akompanis. — Ne plu mi vidu ĝin, ĝi estas danĝera!

Vitalo tuj kaptis ĝin senkompate, kuris post la densajn arbetaĵojn kaj ĵetis ĝin trans la ĝardenbarilon.

Matene li trovis ĝin malviva apud la enirpordo.

# Lernejo

(t. e. rezona traktato, subtenita per ekzemploj por montri kio ne devas esti)

**— Julio Kaden-Bandrowski —**

Mi metis supre sur la paĝo la titolon *Lernejo* kaj sen troigo mi diras, ke mia mano ektremis pro timo. Ĉiuj kompetentas en la lernejaj aferoj, ĉiu volus ĝin aliigi, plibonigi kaj ĉiuj plendas kontraŭ ĝi, kiam poste io mankas al ili en la lerteco de ilia laboro. Ne estas do mirige, ke mia mano tremis; — mi vidas seriozulojn kaj diversajn homojn de mia lando kvazaŭ kunvenintaj ĉirkaŭ ĉi tiu karto, severe rigardantaj, ĉu laŭ iliaj pensoj estos mia malgranda ellaboraĵo.

Kvankam ĝi estas malgranda, — ĝi estas grava. Ne ekzistas sensignifaj aferoj en lernejaj problemoj.

Ĉio ĉi tie estas same grava kaj necesa, ĉar ĉio influas animon kaj la karakteron de la estonta homo.

Verdire, — foriĝas de la buŝo ĉiuj ŝercoj! Mi vidas vin nun ĉirkaŭ la tablo, mia tuta Patrujo, vidas viajn homojn, viajn kampojn, montojn, riverojn. Muroj, ŝtonoj, bestoj, ĉio ĉirkaŭas nun mian malgrandan kajeron, en kiu mi skribas. Ĉar skribi pri lernejo, estas same kiel malkaŝi siajn revojn, same kiel formi la estontecon, same kiel voli modeli la koron de l' homo kaj pri la formo de tiu koro preni la respondecon!

Skribante pri la lernejo mi donos al vi, miaj legantoj, nenian konsilon. Vi nur partoprenos kun mi en kelkaj rememoroj, pri kiuj dum postaj jaroj mi faris al mi mian propran opinion. Mi ne supozas, ke mi sukcesos enlistigi ĉiujn aferojn traktatajn malbone aŭ nebezone en la lernejo.

Sed kelkajn taskojn mi devas ĉi tie esplori, ĉar ĝis nun ili restas en mia memoro kaj ĝis nun ne permesas al mi trankvilon.

Jen: Ne devas esti en lernejo 1. bataloj inter la lernantoj, 2. disigo je malriĉaj kaj riĉaj, 3. diferenco rilate la originon de lernejano aŭ rilate lian »rason«, 4. fine oni devas malpermesi, ke instruisto insultu laŭte sian profesoran sorton.

Mi ne intencas juĝi ĉi tie iun ajn, sed kontraŭ tiuj »pekoj« mi elpaŝas kaj se iu el vi diros, ke mi eraras, ke la supre cititaj demandoj ne malutilas al bona lernejo, se iu el viaj instruistoj diros, ke mi eraras, — mi tion nepre volas scii. Ĉar mi diskutos pri tio kun li en la kancelario de l' direktoro, en la klaso, en la koridoro. Mi stare restos en la pordego de la lernejo, mi haltigos ĉiujn elirantojn kaj sur la korto mi ankoraŭ diskutos. Mi kverelos pri tio survoje de la lernejo hejmen.

Mi ne restos trankvila hejme kaj eĉ poste, kiam kiel plenaĝuloj ni iam renkontiĝos en la vivo, mi rememoros, ripetos, denove rediskutos, — eĉ se vi estus reĝo kaj mi ĉifonulo, vi juĝisto kaj mi arestito, vi eminenta doktoro kaj mi sur mortolito, vi tuta Nacio kaj mi sola, forlasita homo.

*Iu Kastalski.*

Tio estis iam, kiam mi revenis el vilaĝo.

— De morgaŭ vi ĉiam, dum dekkelkaj jaroj, le-

---

liajn piedojn kaj vidas sur ili botojn kun flikaĵetoj kaj kurbiĝintaj kalkanumoj. Sed krom turmentoj moralaj, li ankoraŭ spertis korpajn: li akiris kalon.

Vespere li estis en la teatro, kie oni ludis »Blua Barbo«. Nur antaŭ la lasta akto kaj eĉ tiam sole dank' al la protekto de konatulo-flejtisto, oni permesis al li penetri malantaŭ la kulisojn. Enirinte la viran tualetejon, li ekvidis la tutan viran personaron. Unuj estis alivestiĝantaj, aliaj — ŝmirantaj al si la vizaĝon, triaj — fumantaj. Blua Barbo staris kun la reĝo Bobeŝ kaj montris al li revolveron.

— Aĉetu ĝin, — diris Blua Barbo. — Mi ĝin aĉetis okaze en Kursk por ok rubloj. Sed mi vendos ĝin al vi por ses... Rimarkinda bato!

— Pardonu, sinjoro, pro la maltranviligo, — ekpetegis la agordisto, — sed kredu... mi estas reŭmatismulo, malsanemulo. La doktoroj ordonis al mi teni la piedojn en varmo...

— Sed kion, propradire, vi deziras?

— Ĉu vi vidas? — daŭrigis la agordisto, sin turnante al Blua Barbo. Jen... Lastan nokton vi bonvolis esti en la meblitaj ĉambroj de l' negocisto Buhteev, en la numero 64-a...

— Nu, kial mensogi? — ekridetis la reĝo Bobeŝ. — En la numero 64-a loĝas ja mia edzino.

— Edzino? Tre agrable... — ekridetis Murkin. — Ŝi, via edzino, do ĝuste donis al mi liajn botojn... Post kiam li, — la agordisto montris Blistanov'on, — estis foririnta de ŝi, mi ekbezonis miajn botojn. Mi do, vi scias, krivokas la koridoriston kaj li diras al mi: »Mi ja enmetis la botojn, sinjoro, en la apudan ĉambron«. Erare, pro sia ebria stato, li enmetis en la numeron 64-an miajn botojn kaj la viajn, — Murkin sin turnis al Blistanov, — kaj vi, forirante de l' sinjora edzino, surmetis la miajn...

— Kion do vi volas? — diris Blistanov sulkigante la frunton. — Ĉu por ĉikan-klaĉi vi venis ĉi tien?

— Tute ne! Dio min antaŭgardu! Vi ne komprenis min... Koncerne kion mi klopodas? Sole koncerne botojn. Vi ja bonvolis pasigi la nokton en la numero 64-a, ĉu ne?

— Kiam?

— Lastan nokton.

— Ĉu vi vidis min tie?

— Ne, mi ne vidis, — respondis Murkin tre konfuzita, sidiĝante kaj demetante la botojn. — Mi ne vidis, sed viajn botojn eljetis al mi la sinjora edzino... Anstataŭ miaj...

— Kiun rajton vi havas, sinjoro, aserti ion similan ?Ne parolante pri mi mem, vi ja ofendas virinon, kaj, plue, en la ĉeesto de ŝia edzo.

Terure ekbruis malantaŭ la kulisoj. La reĝo Bobeŝ, la ofendita edzo, subite purpuriĝis kaj ekfrapis la tablon per la pugno laŭ tuta sia forto, tiel, ke du aktoroj en la najbara tualetejo preskaŭ svenis.

Kaj vi kredas tion? — kriis al li Blua Barbo. — Ĉu vi kredas al ĉi tiu sentaŭgulo? Ho, ho! Se vi volas, mi lin mortigos kiel hundon! Ĉu vi volas? Mi faros el li bifstekon! Mi lin frakasos!

Ĉiuj tiuj, kiuj estis promenantaj tiun vesperon en la urba ĝardeno, apud la somera teatro, nun rakontas, ke ili vidis, kiel antaŭ la kvara akto el la teatro elkuris nudpieda homo kun flava vizaĝo, kun okuloj terurplenaj, kaj preterkuris laŭ la ĉefa aleo. Homo en kostumo de Blua Barbo kuris post li kun revolvero en la mano. Neniu vidis, kio okazis poste. Estas tamen konate, ke post sia ekkonatiĝo kun Blistanov, Murkin kuŝis malsana en la lito. Al la vortoj »mi estas reŭmatismulo, malsanema« li de tiam aldonas ankoraŭ: »mi estas homo vundita.«

El la rusa: *C. Rosen.*

viĝos je la sama horo, por esti je la oka en la lernejo, — diris al mi patro kiel bonan nokton. — Estas domaĝe, sed mi devas vin eduki.

Ni leviĝis je la sama horo, je la sepa matene. Jam oni parolis pri nenio alia.

Por la matenmanĝo ni eltrinkis varmegan lakton kun freŝaj bulkoj kaj en »hejma kompleto« ni iris al la lernejo.

— Domaĝe — diris patro al nia patrino, kiu, butonuminte niajn mantelojn ĝis sub la kolon, kisis ankoraŭfoje ĉiun per grava, oficiala fruntkiso.

Kiam ni eliris el nia pordego, montris al ni patro per bastono grandan, nigran ciferplaton sur la urbdoma turo. La koro de la granda ora montrilo estis jam proksime al la oka, la malgranda staris preskaŭ sur la oka.

— Vi devas ĉiam eliri je la sama horo. Oni ne devas malfruiĝi. Tion dirinte nia patro direktis sin al la strato Bracka.

Ni iris en »hejma kompleto«, ĉar mi estis prezentonta min al ekzameno por la unua klaso de la popollernejo.

Mi timis skribi la literon »f«, ĉar neniam mi sciis kie oni devas ĝin ligi per la vosteto; mi timis ankaŭ skribi ok. Ofte okazadis, ke el la supra rondeto formiĝis senforma vipeto. La resto estis en ordo: de la nova ardeza tabuleto pendis surŝnure pura, nova spongo, — la ardeza krajono bruetis en la plumujo.

Kio poste okazis, mi ne scias. Mi memoras nur, ke fine ni estis ekzamenataj du, t. e. iu Kastalski kaj mi.

Mi estis malalt-kreska, kaj Kastalski ŝajnis grandegulo. Ni staris kune antaŭ la tabulo. Miaj gepatroj sidis en la unua benko. La ŝlosiloj sonoris en la poŝo de mia patro, per silko susuris la patrino.

Multe pli malproksime, preskaŭ en la lasta benko, sidis du homoj, ŝajne pordisto kaj pordistino. Klariĝis poste, ke ili estis la gepatroj de Kastalski. Mi ne imagis ĝis tiam, ke gepatroj povas esti »entute« tiom malriĉaj.

Mi estis ekzamenita kune kun la grandegulo Kastalski, — sed pli ĝuste estas li, kiu pasadis la ekzamenon, dum mi estis uzita nur helpe. Tio komenciĝis ĉe la ŝtupara demando.

Sinjoro instruisto demandis al Kastalski, ke li desegnu ŝtuparon sur la granda lerneja tabulo. Mi ne scias, ĉu Kastalski timis aŭ okazis al li io alia.

En la angulo de l' tabulo li ŝmiris ion per kreto sensence. Unuvorte, li ŝmiraĉis.

— Nu, kaj vi? — diris la instruisto.

Kliniĝinte bele, mi ekdesegnis tuj la du paralelajn grandajn liniojn, poste de malsupre, kvazaŭ mi devus suprenrampi, kvazaŭ mi sur ili supreniruş, kvazaŭ mia koro sur ili kurus supren, mi komencis desegni ŝtupojn. Unua, dua, tria, — oni ne povas erari. Malgraŭvole mi ĵetis rigardon sur Kastalskin. En longaj botoj, en flikita surtuto li staris kun malfermita buŝo kaj la manojn etendadis al la kreto.

Mi ne havis eĉ unu minuton por perdi, — la kreton al li mi ne redonis. Mi desegnadis la ŝtupojn de l' ŝtuparo ĉiam pli supren, — Kastalski glutadis nur la salivon.

Poste oni demandis nin pri kalkuloj, — ĝis dudek. Kastalski scipovis kalkuli nur ĝis dekkvar. Poste ĉio miksiĝis en lia kapo. Lia patrino formetis sian dorsotukon kaj, leviĝinte de la benko, ŝi ekmurmuris laŭte:

— Dekkvin!

## Pri subskribo de Maria Stuart

**— Anatole France —**

Elspiras ĉi relikvo parfumon de elegio,
ĉar la reĝino skota, kies lipoj el flamo
citis la roman meson, kaj Ronsardon, pri amo,
surlasis tuŝe iom el sia vivmagio.

Sur pergamen', kun sia rompebla energio,
subskribis jen: »Maria« la blonda reĝa damo,
kaj la foli' feliĉa ekvarmis sub la mano
blua de sang' fiera kaj preta al orgio.

Ĝin tuŝis virinfingroj mirinde delikataj,
trempitaj en parfumo de haroj karesataj
en la orgojlo reĝa de adulto sangostampa.

Sur ĝi mi trovas rozajn reflektojn kaj odoron
de l' fingroj nun jam mutaj, disfalaj kaj en floron
transformiĝintaj eble en ia solo kampa.

El la franca: *L. Brun*

---

Sinjoro instruisto rimarkigis, ke estas malpermesate suflori. Kiu scias, eble mi eraras, sed ŝajnas al mi, ke eĉ mia patro returniĝis kaj ĵetis sur la virinon en la tuko malfavoran rigardon.

La sinjoro instruisto turnis sin al mi kun la vortoj:

— Kaj vi?

Mi komencis kalkuli, kvazaŭ denove supren, kvazaŭ sur tiuj nombroj grimpus mia koro alten, — ĝis dudek, tridek, kvardek. Mi ne scias kial, sed de tridek mi ne plu kalkulis *al* la sinjoro instruisto, sed *al* Kastalski, kiu ruĝiĝis kaj kvazaŭ resonadis la ciferojn de mi eldiritajn.

Kiam mi rekaptis la spiron ĉe »okdekunu«, — la kapo de Kastalski falis sur lian bruston.

Poste ĝis dudek, — sed temis pri plusado kaj minusado.

La unua respondis Kastalski. Ĉiun demandon li unue laŭte traglutadis. Kiam li ĝin traglutis, ĝi tiom dronis en li, ke li jam ne sciis, kion li devas respondi.

Komence mi atendis trankvile. Sed kiam la sinjoro instruisto, sin turninta al Kastalski, ekrigardis min — mi tute ne atendis. Ĵetinte rigardon sur la malgrasan kolon de Kastalski kaj vidante, ke li nur ĵus englutas, — mi tuj respondis.

Miaj gepatroj kaj la sinjoro instruisto volonte kapklinadis, kaj mi per akra rigardo, kvazaŭ per tranĉilo, svingadis preter la vizaĝo de Kastalski, — kaj mi jam scias, kion li ne scias?!

Kaj mi jam diras, — kion mi scias!

Kaj mi jam ridetas, antaŭ ol Kastalski suprenlevas sian mizeran kapon.

Kaj jam mi ne permesas al li malfermi la buŝon, ĉar ĉion mi scias! Mi jam antaŭscias, mi scias por mi kaj por li, — malsaĝulo. Mi scias, tiom rapide, laŭte, ke la sinjoro instruisto rigardas nur min. Mi scias tiom bone, ke kiam eĉ Kastalski komencas respondi, — mi elŝiras la vortojn el lia buŝo ! !

Mi scias tiom rapide, laŭte, bone, perfekte, ke Kastalski kovras siajn okulojn per maniko de sia sur-

tuto. — Lia patro metis la ĉapon de unu mano en la alian.

La sinjoro instruisto karesas mian kapon kaj diras al mia patro:

— Nu, komprenebla.

Dume Kastalski eksplodas per laŭta ploro.

Tio ne devas okazi en la lernejo!

Mi serĉas vin nun, kara Kastalski, mi volas diri al vi, ke tio estis granda maljustaĵo. Neniu estis prava antaŭ la tabulo, sur kiu mi desegnis la ŝtuparon, krom via patrino, kiam ŝi kun larmoj en la okuloj ekmurmuris:

»Dekkvin«.

Mi volas diri al vi, ke ni ĉiuj tie trompis nian landon, ĉar ni ĉiuj estus devintaj helpi al vi kaj ne nutri min per via maljustaĵo.

Mi ne scias, ĉu vi vivas, mi ne scias, ĉu vi memoras tiun ruĝvangan knabon en la malhelblua marista surtuto, kiu elŝiradis al vi la vortojn el la buŝo, rigardante la instruiston per mizera, alflata rigardo. Tiu knabo, mia kara Kastalski, — estas mi. Se vi ie estas en la mondo glora kaj potenca, — sciu, ke via maljustaĵo ne estis al mi profita, ĉar nenion grandan mi efektivigis.

Se vi estas nek potenca nek glora, se vi estas apenaŭ io kaj ankoraŭ malpli ol mi, — konsolu vin, ke mi estas via ŝuldanto. De kie vi volas, kiam vi volas, — venu al mi, kaj se mi ne rekonus vin, diru nur jenon:

— Mi estas Kastalski, al kiu vi tiam en la lernejo malhelpis pensi kaj paroli. Mi estas tiu Kastalski, al kiu la patrino sufloris: »dekkvin«.

Al vi, Kastalski, apartenas ĉiam la duono de mia laboro. Mi pensas, ke eĉ pli: la duono de mia koro.

*La plej malriĉa lernanto.*

En la dua klaso de la popollernejo ni kantis kanteton, kies titolon bedaŭrinde mi jam ne memoras, — pri malgranda museto. Tiu museto logita per la odoro de l' lardo, suriris ian tabuleton de muskaptilo. Ĉi-loke estis pli-malpli jena fino de l' kantaĵo:

»Paf, la tabulet' rompiĝis.
Kaj museto jen kaptiĝis.«

Sufiĉas al mi nur pense diri tiujn versojn, por ke mi tuj, — kvazaŭ de tiu tempo ne estus jam pasintaj tridek kaj kelkaj jaroj, — ekvidu nian tutan klason.

Ni staras sur benkoj, estas preskaŭ mallume, malantaŭ la fenestroj falas griza, peza neĝo. Super la katedro oni vidas nian sinjoron instruiston. Li permane taktas je tri. Ne je kvar, ĉar la kanteto pri la musoj estas, — kiel li instruis al ni, — mazurko. Jam baldaŭ estos la loko, en kiu ni estas ekĉerpontaj spiron, por



Pilo: *La kronado de Gustavo Tria*

## SONĜOJ PRI TERO KAJ VENTO

— Oskar Levertin —

Levu ĉielen min, ventoj!
Peza sonĝo. La palpebra
ŝarĝo ŝajnas min giganta.
Salomon' en tol' funebra
venis el la vivo vanta.
Tero fine ĉion prenas:
tere kreskis ĉies ĝermoj.
Ŝajnas nun, ke mi alvenas
plene viva al la vermoj.
Levu ĉielen min, ventoj!
El la mallumo min levu!
Svenis fingroj, kiuj ŝutis
en la tutsenfundan kribron;
vivoligoj sin amputis,
perdis mi la ekvilibron.
Brilkoloroj okulbataj
en morthoro pale nulis,
kaj vizaĝoj tre amataj
neniiĝis, fornebulis.
El la mallumo min levu!

Portu min, vent' orienten!
El la sunnebulo flava
venis la homgenta ĉeno —
mia lando, Edenrava,
dezertbrula... Sun'! Mateno!
Tie sin la nokt' spegulas
en la font' de l' saĝ-trezoro,
kaj mallumokule brulas
krefervoro, kredoloro.
Portu min, vent', orienten!
Portu min, vent', okcidenten!
Lando de l' sopir'. Susura,
kun aera nuanc-riĉo...
Por la hom' haven' sekura:
hejma paco kaj feliĉo.
Laŭte sonas, venksignale
vortoj, voloj, voĉohelo.
Pri Estonto brilas ŝtale
okulbluo, mar', ĉielo.
Portu min, vent', okcidenten!

Montru al mi ree l' mondon!
Ho, sopiras mi intense
al fabelo, kant', liuto...
Nur adiaŭ ĉiu-sense
diri al la bela tuto:
Floro, frukt', virina sino,
de la akvogut' brileto,
greno en matura klino
altaj arboj en kvieto...
Montru al mi ree l' mondon!
Por Salomono denove
poste pretu la kameron.
Al deziroj, revoj, pensoj
vi aspergu pezan teron.
Dormos lace miaj sensoj.
Tero sur la man'... en bruloj
ĝi sin tordis, ĝuo tindra.
Ter' sur sala font': okuloj.
Tero sur la koro cindra.
Kovru per tero min, ventoj.

Trad. *Magda Carlsson*

---

poste kune laŭte ekkrii: »paf«! — daŭrigi trankvile »la tabulet' rompiĝis« ktp.

Ni kantas pri la lardo, — nun, kiel la muso elkuras kaj flaras tiun lardeton, kiel la salivo alfluas en la buŝon de la muso. Jam venas la loko de »paf«, sed ĉi tie mi eraris kaj pro granda impeto anstataŭ »paf« mi ekkriis — »hop«!

Poste tute trankvile, —« la tabulet' rompiĝis« ktp.

Bieniaj, kiu sidis apud mi en la sama benko, — granda ĉifonulo, sed perfekta knabo, — judeto Dejhes, kiu staris antaŭ ni kaj ankoraŭ aliaj proksime starantaj de mi aŭdis, ke mi ne kantas »paf«, nur »hop«!

La sinjoro instruisto ĉesis takti kaj rigardis ĉiujn laŭvice unu post la alia. Apenaŭ ni povis haltigi la ridon. »Hop« venkis »paf«!

La sinjoro instruisto ordonis malfermi la librojn sur la paĝo deksep, kie estis presita sub la bildo nia kanteto.

— Mi petas tralegi, ĉu tie estas »hop« aŭ »paf«? Bieniaj — tralegu.

Bieniaj, kiu plej multe el la tuta klaso timis la sinjoron instruiston, sulkigis la brovojn, levis la libron ĝis la okuloj kaj tralegis laŭte:

— »Paf«!

— Nu, do mi petas, ni ankoraŭfoje kantos, — ekkriis la sinjoro instruisto.

Denove ni venis al la loko pri la salivo, kiun la muso glutadis, por ke sekvu »paf«!

Jam ne la duono, — sed la tuta klaso ekkantis »hop«! la tabulet'« ktp.

Sinjoro instruisto fingrofrapis kaj fariĝis ruĝa. Tiom da sango alfluis en lian vizaĝon, ke ĝi fariĝis purpura. La neĝo plue faladis trankvile malantaŭ la nigraj fenestrovitroj.

— Kiu el vi elpensis tiun malsaĝan »hop«? — demandis la sinjoro instruisto, forviŝante la ŝviton de sur la frunto per granda blanka poŝtuko. Viŝinte ankaŭ la manojn, li krucis siajn manojn sur la brusto.

Tio estis ĉiam signo de alvenonta aventuro.

Ĉiuj mallevis la okulojn. Ni rigardis, kiel la plej lertaj arestitoj, samtempe en du direktojn, kvazaŭ sur benkojn, — kaj sur la instruiston.

— Kiu el vi tion elpensis?

Neniu konfesis. Mi ankaŭ ne. Mi ja ne elpensis la komunan kantadon de »hop«!

Plifortikiĝis nin la espero, ke kiel ĉiam tiel ankaŭ nun, ĉio finfine falos sur Bieniaj. Li vizitis la lernejon senpage, li lernis ne speciale bone, kaj ĉe la pasinta jarfino lia patrino volis kisi la manon de nia sinjoro instruisto pro tio, ke la filo perdis la donacitajn lernejlibrojn. Ŝi ploris, sed li ne permesis.

— Mi demandas la trian fojon, kiu el vi tion elpensis?

Neniu konfesis.

Sinjoro instruisto malsupreniris la ŝtupojn de la katedro kaj saltis al Bieniaj, kiu staris apud mi. Kiel ĉiam tiel ankaŭ nun, oni sentis la alteajn bonbonojn de nia sinjoro instruisto.

— Bieniaj! Malfermu ankoraŭfoje la libron ĉe la deksepa paĝo kaj tralegu laŭte, por ke ĉiuj aŭdu.

Bieniaj paliĝis, malfermis la libron ĉe la deksepa paĝo kaj estas nekompreneble kial, plej certe pro timo, anstataŭ »paf« li tralegis *ĝuste* »hop«! Li volis tuj sin korekti, sed la sinjoro instruisto ekkriis:

— Nun mi faros al vi »okulvitrojn«!!

La okulvitra faro konsistis en tio, ke li enigis la vizaĝon de Bieniaj pernaze en la malfermitajn paĝojn kaj tiradis forte al li la harojn malantaŭ la oreloj, kriante:

— Jen vi havas la okulvitrojn por ke vi povu legi, ĉu estas »paf«! aŭ via malsaĝa »hop!

Bieniaj ne povis poste kanti. Apogita sur la benko, li ploris.

Ni ripetis la tutan kanton ankoraŭfoje de la komenco. Kiam ni venis al la danĝera loko, ĉiuj kune ekkantis akorde ĝuste« paf! la tabulet' rompiĝis« ktp.

La horo finiĝis, ni jam komencis nin vesti, ni volis rapidi al la neĝo, la sinjoro instruisto, ŝvitigita, staris ankoraŭ ĉiam sur la podio.

Bieniaj ploris, liaj larmoj torentis sur la benkon.

Ekstarinte are ĉe la pordo, ni ekkriis al li ĉiuokaze:

— Mallertulo, — timemulo, — ploremulo!

Mi rakontis tion hejme, sed ne tuj, — multe pli poste, — nur dum Kristnasko.

Mia patro kvazaŭ ridis, — ridis ,— sed subite prenis min forte ambaŭmane kaj tiom proksime ekrigardis en miajn okulojn, ke mi tuj ruĝiĝis.

— Vi kondutis, kiel homoj neindaj, — li diris, ne ekzistas pli granda hontego, ol kuraĝi je konto de fremda sufero. Diru al Bieniaĵ, — li premis la buŝon kaj forte frapis al mi sur la brakon, — ke pro tiu »paf« aŭ »hop« ankaŭ vi estis frapita. Kaj ne de la instruisto. Sed, ke frapis vin kun granda kor-doloro via propra patro. Memoru, diru tion tuj morgaŭ al Bieniaĵ.

*Judo.*

Judoj vizitis kun ni jam la popollernejon, sed ili restadis kelkafoje dum nia leciono de religio, krome ili estas bele vestitaj, ekzemple nia Dejĥes. Dejĥes alportadis tre bonajn kukojn kun dolĉaj, eble judaj, sed vere bonegaj prunaĵoj. Por libertempi li veturadis — li ĉiam diris, ke li »mem« veturas, — li veturadis al la marbordo.

Do kvankam ili estis judoj, — ili kvazaŭ ne estis.

Verajn judojn mi ekkonis nur en la gimnazio. Estis en nia klaso ĝis dekdu el kvardektri lernantoj. En la dua klaso B. Kiam mi rememorigis al mi, ke ili estas tutsimple judoj, mi malŝatis ilin. Mia pli aĝa frato kelkfoje demandis, kial? Mi respondis al li mallonge, ke tial, ĉar tiel.

— Sed kial?

— Ĉar tiel plaĉas al mi.

Ĝuste en tiu tempo miaj matematikaj kaj latinaj scioj malboniĝis. Mia patrino veturis (ĉar ni tiam havis fiakron) kune kun mi al nia gimnazia direktoro, kiu ĉion sciis, ĉion konis, — ĉar li ĉiam promenadis tra la tuta konstruaĵo en senbruaj, feltaj pantofloj.

La direktoro prenis min je mentono, entute parolis tre ĝentile kaj rekomendis al mia panjo kelkajn helpinstruantojn el la klaso de mia pli aĝa frato. Inter ili estis ankaŭ iu Sontag.

Kun unu »n«, tre kapabla, — sed judo.

Panjo, farinte kompateman buŝgrimacon, volis scii, kiu el tiuj knaboj estas la plej malriĉa? Kiu estas, kiel ŝi sin esprimis »en la plej malbona materiala situacio«.

— Se temas pri tio — deklaris la sinjoro direktoro — do plej malriĉa estas sendube Sontag.

Sontag estis filo de veŝtisto, kompreneble ankaŭ judo, sed preskaŭ tute blinda.

— Ili laŭdire ne havas eĉ kie loĝi kaj estas la filo, kiu vivtenas parte siajn gepatrojn el lecionoj.

— Tiaokaze, sinjoro direktoro, — respondis mia patrino — estu do eble tiu Sontag.

Mi bonege memoras, kiel ŝi estis vestita tiun tagon. Ŝi havis sablokoloran robon kun silka violkolora antaŭo, vualon derulitan sur la frunton. En la mano ŝi tenis faskon da alpaj violoj.

Mi nenion diris, nur kiam ni enfiakriĝis, mi elsiblis tra la dentoj nur unu vorton:

— Favulo!

— Kion vi diris? — demandis mia patrino kliniĝante super min — kion vi diris?



Vilhelmson: *Fiŝistinoj sarvoje al la preĝejo*

Mi ekmurmuris, — ke nenion.

La morgaŭan tagon post'agmeze venis Sontag por doni al mi la lecionon. Kvankam lia patro estis tajloro kaj ne lignajisto, ŝajnis al mi, ke mia helpinstruanto misodoras per lignajista gluo. Per lignajiste-juda gluo, tio estas, per ankoraŭ pli forta kaj pli neeltenebla.

Sontag havis kunkreskintajn brovojn super la bluaj okuloj en ruĝaj borderoj. Mi rimarkis, ke kiam li parolas, io estiĝas en lia buŝo, io gluiĝas.

Malagrabla afero.

Vestita li estis tre mizere, — ĉio antikvaĵa, trafrotita kaj flikita. Mi estis mirigita, ke, kvankam iu nacio faras tiom da murdoj kaj friponaĵoj, tio ne certigas al ĝi eĉ decan vestaĵon.

— Vi certe portas sub via studenta uniformo veŝton? — mi rimarkigis, volante per tio turni la atenton de Sontag al la socia pozicio de lia patro, veŝtisto.

— Kompreneble, ke mi portas — respondis Sontag, — estas multe pli varme en veŝto. — Li malbutonumis la malhelbluan surtuton kaj montris malnovan vatitan »kacabajon.« — kaj vi?

— Mi ne portas — estis mia respondo, eldirita kun malestimo; samtempe mi decidis, ke por tiu judo,' por ke li koleru, *mi nenion komprenos.*

Mi tenis la promeson dum tiu leciono kaj dum multaj aliaj en la kelkaj longaj semajnoj.

Li lecionadis pri matematiko. Li klarigadis per kio li povis: per pomoj, prunoj, nuksoj. Vejnoj aperadis sur liaj tempioj, kaj la ruĝaj palpebroj tremis tiom rapide, ke ili certe devis fari venton ĉirkaŭ liaj okuloj.

— Ĉu vi nun komprenas? — li demandis, etendante al mi la tremantajn, frostiĝintajn manojn.

— Mi ne komprenas — estis mia trankvila respondo.

Post iom da tempo Sontag ekkonis min jam iom kaj poiome li komencis »malkovradi«, ke mi ŝajnigas ĉion. Li tion rekonis de mia rigardo. Tiam mi elektis kelkajn punktojn, por ke, direktante sur ilin mian rigardon, mi ne montru al li miajn okulojn. Tiaj punktoj estis: pentraĵo de Julio Kossak, bukedeto da neĝofloroj super la kanapo, metala rondeto ĉirkaŭ la piedo de fortepiano kaj la nigra punkto, kiun mi havas denaske sur la artiko de la maldekstra mano.

En ĵusa momento Sontag kaŝis ĝin per sia manplato.

— Ne tuŝu min! — mi ekkriis kun furioza kolero.

Li fiksis sur min sian miran rigardon kaj longe ni rigardis nin per malfermitaj okuloj, ĝis kiam mi diris al li impertinente:

— Miaj kolegoj diras, ke mia helpinstruanto estas favulo.

— Viaj kolegoj estas malsaĝaj.

— Nu, do ili estas malsaĝaj, sed pli — *mi ne komprenas.*

Ofte venis mia pli aĝa frato; kolego Sontag kaj li kune klarigadis al mi. Mia frato petis min ke mi klopodu kompreni, ĉar Sontag havas krom mi ankaŭ aliajn diversajn lecionojn. Kiam li revenos hejmen kaj kiam li mem lernos?

Guste tion mi volis, por ke li ne havu tempon lerni, por ke li malsaĝiĝu kaj ankaŭ nenion sciu.

Kiam li devis klarigi al mi la koincidojn de triangu'oj, la suferoj de Sontag duobliĝis eĉ eble triobliĝis. *Mi komprenis nenion,* de la komenco ĝis la fino. Fariĝis jam vespero, kaj ni lernis ĉe lampo, kaj kompreneble mi kvazaŭ nenion komprenis.

Sontag iel tiel sidiĝis, ke li povis rigardi rekte en miajn okulojn — kaj poste rekte en mian kajeron. Rekte en la okulojn — kaj poste rekte en mian kajeron. Kaj tiel de litereto al litereto, de angulo al angulo, de surfaco al surfaco, — ke subite mi ekridetis; li kaptis min ambaŭmane kaj ekkriis:

— Nu, mi vidas, ke vi komprenas, vi komprenas!

Mi komprenis, sed kaptis min koleregο tiom forta kaj subita, ke jam nenion pensante, mi vangofrapis lin.

Li kaptis min ĉe la manoj, ni falis sur la tapiŝon. Li kaptis min ĉe la artikoj per la tuta forto de siaj malgrasaj, malvarmaj fingroj. Kaj mienante sufere, li ploris. Mi ankaŭ — kontraŭ li, nazo kontraŭ nazo.

Muelante nekompreneblajn, pro larmoj malsekajn vortojn, ni kuŝis tiel, ĝis kiam, en pelto ankoraŭ neĝokovrita, eniris subite mia patro.

Mi memoras bonege liajn unuajn vortojn:



Princo Eugen: *Kastelo de Vadstena*

— Kio okazas denove?

Je tio malfermiĝis la pordo de la manĝoĉambro kaj enkuris patrino. Sontag kaj mi staris en la mezo de la tapiŝo.

Patro, kvazaŭ Sontag tute ne estus en la ĉambro, demandis:

— Kial vi ploras?

— Ĉar mi vangofrapis lin.

— Ho, diris mia patro, — belege. — Li ekfumis cigaredon kaj aldonis:

— Kaj kial?

Mi ne respondis.

— Do kial? li tiam demandis al Sontag.

Ne povante plu elteni, mi ekkriis:

— Mi vangofrapis lin, ĉar mi komprenis!

Mia patro sidiĝis sur la kanapon, altiris delikate Sontag-on al si, metis sian manon sur lian brakon kaj diris kelkajn vortojn, sed tiajn, ke ĝis hodiaŭ pro ili tranĉiloj turniĝas en mia brusto. Li diris, ke la patro de Sontag amas tiel same sian filon, kiel mia patro min amas. Ke la patrino de Sontag, sendube, maljuna judino, amas tiel same sian filon, kiel mia patrino min. Ke se la maljuna veŝtisto ekmalsanus, lia filo Sontag estus suferinta pro tio tiel same, kiel mi pro la malsano de mia propra patro.

— Gepatroj kaj infanoj, — nenio alia estas en la mondo, nur tio.

Trifoje li ripetis: — Nur tio, nur tio. Nur tio.

Poste mia patro, kiu nin — siajn filojn — tiom malofte kisis, ĉirkaŭbrakis Sontag-on, kisis lin sur la frunto kaj turninte sin al mi, diris:

— Pro tiaj agoj ne indas eĉ puni, — oni povas nur kunsenti. Nenion pli.

Kun okuloj plenaj de larmoj mi forkuris el la salono al la kuirejo, kaj poste, kvankam tio okazis vintre, al la subtegmento. Ĉi tie trovis min patrino kaj malsuprenigis.

La saman tagon ankoraŭ ni iris al florbutiko kaj poste ni veturis al la maljunaj Sontagoj.

— Vi mem alportos, — diris mia patrino en la pordego de malnova, malluma domo. — Tio estas ja via afero.

Mi suprenkuris, oni sentis tie bulbon kaj ajlon, mi sukcesis fine alfrapi la ĝustan pordon; kiun malfermis maljuna, grizhara julo.

— Tio estas de mia patrino por sinjorino Sontag — mi diris sur la pordosojlo kaj, metinte niajn blankajn rozojn apud la gladilo sur la longa tajlora tablo, mi forkuris.

*Profesoro.*

Pri ĉiuj aliaj profesoroj ni sciis ion, preskaŭ nenion, — sed ni sciis. Ion homan, simplan, personan. Nia botanikisto timis skeleton, la profesoro de la germana lingvo estis drinkulo, la latiniston akompanis ĉiam al gimnazio liaj du etaj filinetoj, la pastro instruanta al ni religion estis papa hejma prelato, al la fizikisto neniam sukcesis eksperimentoj, la historiisto kontraŭbatalis la papismon, la matematikisto estis filo de kamparano, la direktoro promenis en feltaj pantofloj.

Pri Gojkovski — nenion. Li ne alivestiĝadis eĉ somere, ĉiam en la samaj elsiditaj pantalonoj, en la sama jaketo, en la sama nigra kravato. Eĉ nin laŭvizaĝe li ne memoris, elvokante nin nur laŭ la nomlisto.

Ĉiam li estis tia sama, ĉiam tiel same li rigardis per duonfermitaj okuloj, kiam li »prilaboradis« kun ni aoristojn, kiam ni »diserigadis« Homeron, kiam al Ksenofono montriĝadis »sur la kvina freŝa ĉevala grenkribrajo«. Eĉ notlibron Gojkovski havis la saman dum kelkaj jaroj, same egale prisemitan sur ĉiuj paĝoj per mallongigitaj notoj.

Dum printempo kaj somero oni povis iel elteni liajn horojn, sed dum malfrua aŭtuno aŭ vintro oni ne povis elporti. Li estis tiom enua, ke ne valoris »labori«. Ni bolis do super la mirinda ŝildo de Ahilo, englutante tiom terurajn oscedojn, ke de ili la makzeloj elsaltadis el la artikoj.

La enuo, kiun scipovis disetendi Gojkovski, estis tiom potenca, mi dirus, — tiom siaspece bonega, ke ĝi ĉirkaŭbrakis nin jam antaŭ lia alveno.

Kiu ne konas la eksterordinarajn belajojn de tiu mallonga momento inter la sonorado anoncanta la le-

## Tra muro

**— Nils Ferlin —**

Kalkulu ĝis mil — aŭ ĝis milo kaj du,
aŭ nur unu kaj mil, sinjor' Johanson'!
Aŭ englutu disketon da bromo. Ĉu
ne helpus al vi, sinjor Johanson'?

Sed kiom da bru' — ĉu vi estas aktor'?
Tragedi' aŭ fars', sinjor' Johanson'?
Eble estas kompleks'. Aŭ dentodolor'.
Aŭ ĉu estas l' anim', sinjor' Johanson'?

La animo nur, do. Ho, bonŝance nu- ĝi:
nur apendicet', sinjor' Johanson'!
Ĝin detondas ni tuj, kaj poste al vi
venos bona ekdorm', sinjor' Johanson'.

El la sveda: *Magda Carlsson*

## Rimarkinde

**— Nils Ferlin —**

Kiam Habel iame sur virga ter'
kun ĝemplenda ekkri'
apud sia ofer'
mortfalis al ter',
parolis al Kain Di'
en koler'. . .

Sed Kain respondis: »Ĉu mi estas gardanto de mia frato?«

Estas rimarkinde, ke en la mondhistorio neniam troviĝis pli ĝenerale memorita repliko ol ĉi tiu.

Tiu de Kain.

El la sveda: *Magda Carlsson*

* * *

**— Nils Ferlin —**

Solvita l' mondenigmo! En la scienca lum'
vaporas for la timo kaj doloro.
Etiĝis la distanco de dom' al domo, dum
plilongas tiu inter kor' kaj koro.

El la sveda: *Magda Carlsson*

cionon kaj la alveno de la profesoro? Guste tiam oni plej bone interŝanĝas la plumojn, poŝtmarkojn, librojn. Sed antaŭ la alveno de Gojkovski nenio okazas dum tiu intertempo. La »homoj« rigardas en la malklarajn, ŝvitkovritajn fenestrovitrojn kaj dormas.

La pordo malfermiĝas, ni leviĝas kaj ni eĉ ne rigardas lin. Por kio, — li ne ŝanĝiĝas, estas ĉiam tia sama, tiel same li paŝas, tiom same da paŝoj li faras de la pordo ĝis la katedro.

Hodiaŭ — kvankam li estis tiel same vestita kaj faris la saman nombron da paŝoj, — li ne sidiĝis. Li daŭrigas la staradon. Ni atendas, ĝis li eldiros la simplan, mortan: sidiĝu!

— »Sidiĝu«! — li ne eldiras.

Gojkovski ĵetis sian rigardon sur la ŝvitkovritajn fenestrojn — kaj promenigas sian malklaran rigardon inter la benkoj. Li komencas ĉe la plej bona lernanto Baranski, laŭlonge de la unua benko li preteriras la mezbonajn lernantojn, atingas ĉiujn altulaĉojn en la griza angulo de la klaso.

Kaj plue?

Nenio.

Li rigardas la murojn.

Subite li etendis antaŭ si en delikata movo la manojn, kvazaŭ li kaptadus papilion, li ekridis al si mem per mallaŭta pala rideto kaj diris malrapide en la sonĝan silenton de la klaso:

— Ni havas filon.

Neniu respondis. En la unua momento ni ne komprenis, kion tio signifas. Ĉu »ni havas filon« iu devos traduki greken, ĉu tio estas titolo de tasko, ĉu seri-komenco de iaj novaj esceptoj.

Gojkovski premis al si la manojn kaj etendinte sian longan kolon el larĝa kolumo, ripetis nekuraĝe:

— Ni havas filon.

La klaso »kiel tia« respondis nenion. Nur la maljunaj altulaĉoj el la griza angulo, al kiuj »ĉio estis egala«, demandis el la lastaj benkoj:

— Tio signifas, ke sinjoro profesoro havas filon?

— Jes — respondis Gojkovski, atente metante sian nigran notlibron antaŭ si. — Ni havas filon de hodiaŭ, de la kvina matene.

— Tiu ĉi konos la grekan lingvon — elgorĝis en la plena silento la plej maljuna el la altulaĉoj.

La vortoj »tiu ĉi konos la grekan lingvon« estis devizo por la tuta klaso. Ne sidiĝinte, sed starante en la benkoj, ni komencis nun demandadi senorde Gojkovskin »pri ĉio«. Ĉu jam »tuj« parolas la filo de sinjoro profesoro; ĉu li havas »ĉiujn« harojn sur la kapo; ĉu li ne havas ses fingrojn; ĉu li jam deklinacias »pajdeŭo«; kia estis la unua vorto, kiun li eldiris?

— Kiel li parolas? — kiel parolas? — brukriis la tuta klaso.

Gojkovski ĵetis antaŭen siajn malgrandajn, flavajn manojn, kvazaŭ li denove kaptadus etan papilion. Ni tuj eksilentis. Li fiksis la rigardon sur la muron, levis alten la grizajn »plenpolvajn« brovojn, rememorigante al si kun granda peno ion, kion oni devas nepre fidele ripeti.

— Kiel li parolas? Kompreneble, ke li ne parolas greke. Li parolas neniel. Li diras — »aŭ, — aŭ, — aŭ. — Rigardofikse sur la muron Gojkovski komencis mallaŭte pepi, imitante la plorpepon de malgranda infano.

La klaso eksplodis per senbrida blekado. Ni frapadis »pro ĝojo« en la benkojn, ni piedfrapis, libroj falis el pulpitroj, flugadis en la aero. Iu iris al la tabulo kaj skribis rapide: »Vivu la filo de sinjoro profesoro Pajdek«!

Eĉ Baranski ridis kaj kun ĉiuj kriis.

La altulaĉoj kapobatis sin, la polvo miksiĝis kun la krio. La plej granda el la altulaĉoj, Faliŝevski, subite ekstaris sur la benko kaj plengorĝe elkriis en la nomo de la tuta klaso:



Zorn: *Ekstere*

# LA FIANĈINO

— E. ĈIRIKOV —

Feliĉo! . . .

Ne serĉu ĝin en la estanteco, nek atendu ĝin en la estonteco, se vi, laca, turmentita, disŝirita sur la longa vojo, supreniris fine la monton de l' vivo. Rigardu malantaŭen. Vi perdis vian feliĉon, preterirante tiun etapon de via vivo, kiun oni nomas nun »Lando de l' rememoroj« . . .

Malliberulo, sidinta longajn jarojn en malhela subtera fortikaĵo, kiam mi forlasis ĝin, »ĉirkaŭrigardis kaj elspiris« . . . Hodiaŭ mi rigardas malantaŭen kaj mi ne nur ekspiras, sed gaje ridetas pri tiuj nereal-porteblaj tagoj de l' juneco, kiam mi estis nomata »politika krimulo« kaj troviĝis en malliberejo, en ĉelo izole ŝlosita...

La juna animo estis pura, travidebla kiel fonto, kaj rigardis la disvolviĝantan mondon per afablaj kaj naiv-fidemaj okuloj. La ĝojo ekzisti pelas nin ĉirkaŭbraki ĉi tiun tutan multkoloran mondon kaj tiel penetris sendefende en min la ideo pri mondfeliĉo. Ho, kiom mi deziris, ke ĉiuj homoj sur la tero estu gajaj, ke ili amu unu la alian kaj neniu sur la tero verŝu larmojn, nek malbenu la vivon! . . . Ĉu ne de tio devenis nia tuta militema nepardonebleco por ĉiuj malveroj en la homaj rilatoj, sen kiu estas sensencaj sur la tero ĉiuj formoj de socia vivo? Juneco ne volas koni iajn ajn kompromisojn kun homaj maljustaĵoj. Tiel estis en tiu tempo, kaj tial fariĝis inter la juna familio de l' studentaro tiel abundaj ŝtatkrimuloj.

Jen mi estis ankaŭ tia krimulo. Verŝajne pro tio mi ne nur ne falis spirite, kiam mi restadis en la malliberejo, sed poeziiĝis kaj min proklamis »heroo« kaj »martiro« por la feliĉo de la tuta homaro kaj gaje radiadis mia animo. La gardistoj miris. Mi suferis ian ĝojan doloron de l' pravo, kiu penetris la ĉielojn en mistika proksimeco kaj, verŝajne, travivis ion similan al tiu sankta ermito, kiu en mistika ekstazo submetiĝis orte al ĉarma peko esti delogata kaj ne ĉiam eltenis tiun provon. Mia ĉelo similis monaĥejan ĉelon de ermito; silento en la malliberejo kiel en dezerto; la nutrado de arestitoj, fasto kaj subteno de asketo. Mi havis nur sciencajn kaj religiajn librojn, ĉar aliajn oni ne donis en nia monaĥejo. Mi vivis nur la internan vivon de mia animo, kun fremdaj, melankoliaj vizioj, disigite de la vivo per la ŝtonaj muroj de l' malliberejo kaj distrite en la legenda regno de l' fantazio. De la Evangelio mi transiris al la historio de la Tero, de la Tero al supera matematiko, de l' matematiko al sanktaj vivoj. Tio dumtage. Nokte... sonĝoj kaj vizioj el fremda mondo kun siaj pekaj delogoj. Kompreneble, ni, »herooj kaj martiroj por la ideo de homara feliĉo sur la tero«, devis rezigni pri persona feliĉo; sed ni estis nur dudekjaraj, ankoraŭ ne sciis limigi niajn fortojn, ne kredis je tiu limigo antaŭ la vizaĝo de neŝanĝeblaj mondkonstruaj leĝoj kaj fiere nomis nin mem »reĝoj de la naturo« . . .

Sed, ĉu ne estas feliĉo vin kredi reĝo de la naturo?

Kaj tiel, reĝo de la naturo en izolita mallibero. Jam forpasis kvar longaj, longaj monatoj en monaĥa heroeco, al kio helpis akra norda vintro kun ĝiaj profundaj neĝoj, uraganoj kaj lavangoj. Dum tiu tuta tempo mi ne vidis eĉ unu proksiman homan vizaĝon. Iafoje mi vidis en sonĝoj mian plorantan patrinon, nebule elnaĝis konataj kaj nekonataj knabinoj, similaj al iu . . . Malgaja patrino apartigis min de la abstrakta mondo kaj mi komencis senti min ne heroo sed besto en la kaĝo. La vizio de l' knabino forportis min al legenda regno de l' revoj kaj fantazioj...

Kiam mi unuafoje sonĝis pri tiu knabino, vekiĝinte, mi penis rememori ŝian bildon. En la memoro restis konfuza ideo kiel mallaŭta muziko, kiun oni aŭdas tra muro. Tia delikata, disrompebla rememoro lasis nesubmeteblan distriĝon en la vigla animo. La tutan tagon mi troviĝis en dolĉa nebulo pro tiu nokta vizio kaj senforte memoris pri ĝia bildo. Kiu ŝi estas? De kie mi ŝin kaptis? Al kiu ŝi similas? Mi traserĉis ĉiujn knabinojn, kiujn mi konis, — ne! Neniu el ili donas plezuron per ĉeesto.

Alproksimiĝis printempo. Oni ne povas kaŝi la printempon: ĝi rigardas eĉ en la malliberejon. La videbla ĉiela peceto similas bluan okulon de ridetanta knabino, en la malfermita fenestro etendiĝas la ĝemoj de grandfastaj sonoriloj. Suna radio englitiĝas tra la fera krado. Oni aŭdas pezajn gutojn kiuj falas de l' tegmento kaj kornicoj en la frostaj kranoj. Matene kveras kolomboj en la proksimo; kaj sur la korto, kie oni permesas al ni promeni unuope, degelas en riveretoj; tie flustras io senĉese kaj ĉiutage malaltiĝas pli kaj pli la neĝo, kaj la aero, bongusta kaj travidebla, ŝajnas trinkaĵo por la brusto. Poste oni aŭdas kokinojn kluki, kaj sur ĉio kantas printempe la kokoj. Oni ne kaŝas la printempon per ŝtonaj muroj. Ĝi sorĉas en la homaj animoj, eĉ de tiuj enfermitaj en soleco. .. Gia sekreta sinfonio, ĝia »Kanto de Kantoj« plenigas la junan animon kaj korpon per tremoj de gajaj esperoj kaj antaŭsentoj, dormigas la voĉon de scienca kaj religia ĉioscio: la libroj forruliĝas el la manoj, liberiĝas la dolĉa pezo kaj oni dezirus iun forte ĉirkaŭpremi per la brakoj. Kiun? Dio scias! Eble, tiun nebulan vizion, kiu ĵus aperis en sonĝo kaj kiun mi ne

---

— Ni petas sinjoron profesoron, ke ankaŭ la filo de sinjoro profesoro fariĝu profesoro!!

Kaj tiam okazis io terura kaj de neniu atendita. Gojkovski kaptoprenis el la katedro sian notlibreton, ĵetis ĝin teren kaj elkriegis:

— Silentu!!!

Kun rigardo fiksita al la muro, kvazaŭ ne al ni, sed al tiuj lernejaj muroj li vokis plenbruste:

— Prefere ŝtonojn li rompados sur la vojo, — prefere la ŝtonojn! . . .

Ni volis tion malatenti, jam iu el la altulaĉoj ekkriegis — »vivu la ŝton-hakisto«! — kiam subite la pordoj malfermiĝis kaj en senbruaj, feltaj pantofloj eniris la sinjoro direktoro.

El la pola: *S. Grenkamp-Kornfeld.*

JULIO KADEN-BANDROWSKI estas unu el la plej distingaj aŭtoroj de Polujo. Generala sekretario de la Pola Akademio de Literaturo, li ludas tre gravan rolon en la literaturaj medioj de nia lando. Ni povas esti kontentaj kaj fieraj, ke Kaden-Bandrowski en plurfojaj interparoloj deklaris al mi, ke esperanto interesas lin, ke — laŭ li — esperanto ludos gravan rolon sur la literatura kampo. Li ne ignoras la jamajn progresojn de nia lingvo, al kiu li deziras ĉiam pli-kaj-plian disvolviĝon por la bono de la interpopolaj rilatoj.

rememoras plu, pri kiu mi ofte nun pensas, kiam mi aŭskultas tra la malfermita fenestro la printempan kanton. Io sekreta kreiĝas dumnokte en la tero kaj en la ĉielo, el kiu estas videbla al mi stela peceto tra la krado . . .

Kaj la tero kaj la ĉielo esperas grandiozan ĝojan miraklon: la reviviĝon de Kristo el la morto . .

*

Matene kaj vespere la melankolia sonorilado, kiel la ĝemaj ĉagrenoj kaj turmentoj de kristanoj, ne naskas funebran sed ĝojon, ĉar plaĉas rimarki nur antaŭen, tial ke antaŭ ni troviĝas la triumfo de l' vivo super la morto. Tiel okazis ĉiam, sed nun en la malliberejo estas alimaniere: melankolia sonorilado naskas malĝojon en la izoleco. Neniu venas diri al vi gaje »Kristo reviviĝis!« . . . La juĝa elserĉo finiĝis pri mi, oni jam permesas vizitojn. Mi estas sola en fremda malproksimo de l' naskiĝa urbo. Ekzistas ĉi tie nekonataj amikoj: sekreta rondo, kiu helpas la politikajn arestitojn en la malliberejo, sed neniu min konas tie, ĉiuj estas por mi fremdaj, kaj mi dezirus revidi proksiman familian vizaĝon: la maljunan patrinjon, fraton aŭ fratinon, troviĝi subite, eĉ se por sola momento, en la gepatra urbo en tiu intime konata domo, en la rondo de miaj parencoj.

Fortan melankolion inspiris al mi la nokto de l' Antaŭpaska Ĵaŭdo. Ĝis meznokto vokis sonoriloj, kiuj akompanis la finon de legado el ĉiu evangelio. Tiuj sonoroj forportis min hejmen, en mian parohan preĝejon, kie mi, gimnaziano, fastopreĝis, rememoris la gimnazianan Lenjon, al kiu mi estis enamiĝinta kaj kiu ĉiam fastopreĝis en tiu sama preĝejo. Tiam mi estis en la kvara klaso, junuleto, portanta laŭsoldate milite la gimnazian ĉapon, flanke, la palton surĵetita, anstataŭ salutkliniĝo ni nur movis la manon sub la viziero, kaj palpis niajn estontajn lipharojn kaj revis nepre eniri la artilerian lernejon; anstataŭ kio mi troviĝas nun en malliberejo . . . De tiu tempo preterpasis nur kvin jaroj, sed ili ŝajnis eterneco.

Printempo vekiĝis kaj mi penadis venki la koron de la neflekseble fiera Lenjo per »saĝaj dialogoj« pri homaro, pensoj pri la vivo, popolo kaj kleruloj; tamen Lenjo ne nur ne submetiĝis al la intelektaj dialogoj, sed komencis min timi kaj min nomi »babilaĉulo« . . . Unua kora dramo. Nur fiereco retenis min tiam kaj venkis la ideon pri memmortigo. Nur tiu savis min de morto kaj devigis serĉi vojon por montri al Lenjo, ke mi ne estas babilaĉulo, sed heroo . . . Eble nur tiu vorto puŝis min sur tiun vojon kiu nun kondukis min en izolan malliberon. Du jarojn mi reprezentis Goethe-an Verteron kaj poste Lenjo forvojaĝis de nia urbo kaj la suferoj velkis, al kio helpis laborado por la homaro . . .

Kaj jen aperis subite en miaj rememoroj Lenjo, simetrie fleksebla knabino, kun du dikaj harplektoj bruna vesto kaj blanka antaŭtuko, kun lernolibroj sub la brako, moke fajrantaj ridemaj okuloj, kiuj min memorigis pri Antaŭpaska Ĵaŭdo, Lenjo en la preĝejo kun brulanta kandelo, la akompano post meznokta meso kaj la lasta deklaro de l' babilaĉulo por la venko.

— Mi postulas, ke vi honore kaj rekte respondu al mi: ĉu estas prava tio aŭ ne? — Mia voĉo tremis, la lipoj konvulsie streĉiĝis, mi estis preta singulti. Mi rigardis Lenjon kaj atendis la respondon. La fajreto de la brulanta kandelo, kaŝata pro vento en kolora papero, naskis imagon de legenda flora filiko kaj verda

## VIVO MARŜANTA

**— Antonín Sova —**

Vivo marŝanta ruzulan al ni abocon instruis,
kiam junaĝo obstina pasis, kaj maljunulajn riverencojn.

Tamen la amojn vagulajn el koro ĝi ne elskuis.
Ĉenoj dum krakas, demon' disputas kun koro siajn diferencojn.

Amo la devon obstinan amon sufokas.
Peko ĉe virto priridas ion laŭtege kaj en parodio.

Ploro, ho plor' de juneco, fruntfaldon vane malvokas.
Ĉu do malĉasto okazis? Estis sen ies peko, kulpo, scio.

Vivo marŝanta instruis abocon tre pian.
Sed ve: sur vesto ĝi havis el vino kaj sango makulon.

Iam ni kredis kaj volis. Kaj nun? Ĉu kredon ni havas ian?
Jen ĉe ni kun makuloj, kiu al bono nian ekturnis okulon.

El la ĉeĥa: *Stan. Kamaryt.*

---

reflekto ludis sur la konsterne ekscitita vizaĝeto de l' knabino.

— Mi perfekte ne rememoras, kiel mi diris . . . esprimis . . . Ŝajnas, ke mi nomis vin »Marko Volojo vi . . .«

— Ĉu vi neas decide la vorton »babilaĉulo«?

— Ho, mia Dio! Mi volis diri, ke vi tre multe parolas, babilas . . . Mi ne rememoras, eble mi senpripense eldiris tiun esprimon . . .

— Bonege. Adiaŭ. Iam vi konvinkiĝos, ke mi ne estas babilaĉulo.

Mi salutis sub la viziero kaj abrupte forturniĝis en la koto de l' strato.

Ĉesis la sonorado de l' sonoriloj, mi longe kuŝis en la lito kun fermitaj okuloj kaj rememoris Lenjon kaj ĉion interligitan kun ŝi en la estinteco. Sed kiam mi vekiĝis sekvantan tagon, mi rememoris, ke mi denove sonĝe vidis la nebulan bildon en tiu knabino pri kiu mi jam antaŭe sonĝis. Mi denove turmente klopodis reviviĝi tiun vizion, en kiu estis io konata, rememoriganta iun . . . Nu, jen . . . Mi ĝoje ridetis! la rompiĝema sonĝa imago rememorigis iom Lenjon. Ne estis ja, ŝi, sed ia konfuza rememoro, malproksime . . .

Lenjo, Lenjo. Kie vi troviĝas?

Nu, jen la Pasko! Sur la urbo leviĝas ĝoja multvoĉa sonorilado. La sunradioj reflektiĝas ludante en la fostoj de mia fenestro. Oni vidas peceton da ĉielo kiel ĉifonon de blua silko. Alvenas kraketado de veturiloj sur la stratoj ĉe l' ponto, saltas la vizitantoj. Ĝojkrioj post la mallumaj muroj de nia malliberejo . . . Tondras la rigliloj en la kamerpordoj, pordoj malfermiĝas. Gardisto, en festa vesto kaj humoro, kun bonodora ŝinko kaj spiritaj trinkaĵoj. Post li arestito disdonas kompleze la donacojn.

— Kristo reviviĝis! — eldiras la gardisto. — Jen oni alportis ĉi tion, por ke vi festu la fastofinon.

— Vere li reviviĝis! — mi respondis melankolie kaj strabis sur la tablon, kien la arestisto metis la donacon. Li foriris. Mi staris apud la tablo. Paska pano, surornamita per ruĝa kruco el sukera glazuro. La signo de sekreta politika »Ruĝa Kruco«. La paskaj kukoj kaj ankaŭ ĉiuj ovoj portis tian simbolan sig-

non. Oni sciis pri mi! Oni rememoris min! . . . Kia ĝojo: venis vizitantoj, kiuj alportis ĉi tiujn kukojn, manĝaĵojn kaj ovojn! Mi petis bo!akvon, preparis teon sur la tablo kovrita per mante!o, aranĝis ĉion laŭpaske kaj sub la trilaj sonoradoj mi sentis ĝojon, ke mi ne estas sola, sed iu dediĉis al mi siajn pensojn, rememoris min, ne forgesis min en la malliberejo. Neeble priskribi tiun feliĉon. Mi kredas, ke ĝi estas simila al tiu de laboristoj enterigitaj en ŝakto, kiam ili aŭdas la unuajn surdajn sonojn de fosiloj kaj ŝoveliloj, kiuj malfermas ilian tombon... Oni devas plori pro kortuŝo kaj ravo.

*

»Kristo reviviĝis el la morto! La morto pravigis la morton kaj donacis vivon al tiuj, kiuj estis en la tombo.«

Tiel kantis la pastroj en la malliberejo, rapide trairante la koridorojn de la malliberejo kun la pordoj de la izolaj ĉeloj malfermitaj dum kelkaj minutoj. Ni, politikaj arestitoj, devis stari en la profundo de niaj ĉeloj, ne rigardi, kaj la pastroj forpasis, kantis, incensis kaj surŝprucis sanktan akvon sur la murojn. Kaj mi pensis: mi similas iun estintan en ŝtona tombo kaj ĵus reviviĝintan el la morto, ĉar la paskaj kukoj kaj ovoj kunigis min kun ĉiuj vivantoj. Kaj oni malfermis la pordon simbo!e de tiu enkorpigo al la vivo... Kaj kvankam la pordo estis rapide fermita denove kaj tondris la fera rigilo, en la animon eniris tamen aromo de libereco, kaj libereco b!ovis en la izola ĉelo...

Ĉirn matenon komenciĝis paska sonorilado kaj vibris ĝojo pro nekonataj espero kaj antaŭsento. Kaj ili ne trompis la izo!itan malliberulon. La trian tagon, ĉirkaŭ tagmezo, frapis fero kontraŭ la pordo kaj enrigardante la gardisto so!ene eldiris:

— Bonvolu en la kontoron, vizito!
— Por mi? Ĉu iu venis?
— Venis.
— Kiu?
— La fianĉino!... Vi, ĉiuj havas fianĉinon...

En ĝojega tremo mi eliris post la armita gardisto, kaj en mia kapo turniĝis la trompeto de tiu, kiu venis, ĉar tiam mi ne havis fianĉinon. Nu, ĉar krom patro, kun patrino, fratoj kaj fratinoj neniun oni en!asas krom fianĉinon, nature, iu profitanta tiun nomon deziris faciligi mian izo!econ. Sed kiu? Nature el tiuj, kiu sendis al mi la paskan kukon. Fianĉino! Tio estas, juna knabino... Kaj mi — fianĉo... Fianĉo, fianĉo... Stranga vorto. Mi iris, ridetis, kaj en la animo estis ĝoja turniĝo, la piedoj kuris, la okuloj ridis, la koro bategis maltrankvile. En la irado mi ordigis per plena mano la kombitan hararon, deziris aspekti grava kaj esti bela, enigma, inteligenta, en ĉiu naski impreson de suferanta heroo. Nu, jen la kontoro kun kaĝo por la vizito. Ĝi estas simila al nuntempa telefona parolejo, en ĝi estas fenestro, kiu, anstataŭ vitro, ofte havas kupran dratkradon, en kiun oni povas meti nur unu fingron. Ĝi certe ne estas pli granda ol kaĝo en zoologia ĝardeno. Mi englitiĝis en tiun kaĝon kaj la armita gardisto restis postenanta post la pordeto. Kaj jen mirinda vidaĵo: »fianĉino nefianĉiniĝinta!« En la mallumo de tiu baraĵo simila al kribrilo, en la alia parto de la fenestro aperis knabino kun b!ankaj, fajrerantaj vestoj, ora pajla ĉapelo, cejanoj kaj kamomiloj, kun neligita ŝpinvualo sur la vizaĝo, kiu vekis gajan timigon en mia tuta animo: jes, tio estas vizio persekutanta min en revo. Ĝi, ĝi! Mi ankoraŭ ne observis ekzakte la vizaĝon de l' knabino, sed tamen sentis tiun similecon ĉe l' unua mallongedaŭra rigardo post la kradon. Tiel terura ŝajnis la unua renkontiĝo de l' okuloj, kaj certe por ni ambaŭ: la knabinaj vangoj ardis purpure, ridetis embarase, evitis renkonton de la okuloj kaj en ekscita konfuzo rigardis la gardiston, sidantan malproksime, kaj diris:

— Nu, bonan tagon! Por mi estis tiel malfacile atingi vin... revidi vin. Tio estas indigniga: oni bezonas ankoraŭ pruvi, ke vi... ke *ci*... estas mia fianĉo.
— Jes, indigniga! — mi eldiris.
— Ĉu vi ricevis mian paskan paketon?
— Jes. Dankon.

Tiam ni unuafoje rigardis rekte kaj ridetis unu la alian. En la kontoro okazis io: iu venis aŭ oni alportis iun, kriegoj sonis kaj meze la voĉo de la gardisto. Mia sekreta fianĉino profitis ĉi tiun momenton kaj mal!aŭte demandis:

— Vi, ŝajne, ne konas min?
— Forlevu la vualon.



Pokaloj el *Orrefors*

Ŝi deflankiĝis la vualon kaj mi re ektimis ĝoje, sed ŝi kovriĝis denove per la silka ŝpintuko. Mi rekonis ŝin, divenis rapide, sed mi ne kredis miajn proprajn okulojn: tio estis tiel neverŝajna, neebla, nekomprenebla...

Ŝi rapide ĉirkaŭrigardis kaj murmuretis:

— Kaj ĉu vi rememoras la »babilaĉulon«?

— Lena... Elena Vladimirovna?

Sed nun regis silento en la kontoro kaj la gardisto komencis iri antaŭen kaj malantaŭen, jetis rigardojn al mia krado, komprenigante, ke li ĉion vidas kaj aŭskultas.

Kaj jen denove la ludo pri fianĉo kaj fianĉino:

— Vi forgesis vian Lenjon...

La knabino laŭte ekridis.

— Ne mi, sed vi min forgesis — mi respondis malllevante la kapon.

En mia voĉo ne estis nur ludo, ĉar mi sentis min sub la potenco de la reviviĝa vizio el niaj knabjaroj kaj de tiu malproksima Lena, kiu gravuriĝis en mia animo per la unuaj dolĉaj pasiaj ofendoj de amo. Denove renkontiĝis niaj okuloj, mia spirito brulis kaj ektremis, kvazaŭ reviviĝus la sento de nevenkebla altiro al knabino sidanta post la krado...

— Ho, Lena, Lena... se vi nur scius, kiel mi...

Kio estas tio: ĉu ludo aŭ aŭtentika ĝemo de ofendita amo? Mi mem ne plu scias.

— Vi... *ci* devas ĉion pardoni kaj forgesi... Mi estis knabineto.

Ni silentis, ambaŭ konsternitaj kaj konfuzaj. Lena ĝemspiris kaj timeme, kulpe rigardis mian vizaĝon.

— Mi alportis al vi florojn... violojn...

— Mi metos ilin sur mian tablon en mia ĉelo kaj enspiros iliajn aromojn kaj rememoros la pasintan tempon. Gi reviviĝis por mi, Elena Vladimirovna. Kaj eble, nur por novaj turmentoj...

— Kial pensi... tiel?

Batis la horloĝo kaj la gardisto severe prononcis:

— Gesinjoroj! La vizito finiĝis...

Lena leviĝis, malgaje ridetis kaj ŝerce enmetis la malgrandan fingron en la kradon. Mi kliniĝis kaj kisis ĝin. La ardvanga knabino diris:

— Mi venos al vi ĉiun dimanĉon.

— Do, ĝis revido! Oni devas foriri...

Ŝi restis konfuza en la loko, ludante kun la pluvombrelo kaj faris adiaŭan signon kun dolora rideto.

— Al la ĉelo! — severe eldiris la vartisto, kaj ĉio finiĝis kiel disŝirita sonĝo...

Granda ĝojo plenigis mirakle mian vivon.

Mi iradis de angulo al angulo en mia ĉambro en ia mistika ekstazo kaj kantis: »Kristo reviviĝis«! Subite forflugis mia infana ateismo komenciĝinta en la lerneja benko el »saĝaj dialogoj« kaj la blanke vestita knabino aperis kiel sendita de Kristo, kiel anĝelo en blanka lumo. Mi konvinkiĝis pri la reviviĝo de mia mortinta kaj enterigita amo! Kaj sur la tuta tero ne estis tiam homo pli feliĉa ol mi, arestito en izola ĉelo!

Printempo antaŭeniris rapida kaj venka. Sur la korto de la malliberejo kreskis verda atlasa herbo, tondris la unua fulmotondro kaj la nuboj verŝis bonfaran akvon, gajan kaj ridetantan. La sola betulo en la korto kovriĝis per bonodoraj folioj. Matene kaj vespere flugas ŝtormo kaj, birdo sidanta sur la pinto de l' betulo kantas la senfinan ĝojon de l' vivo...

Ĉiun dimanĉon venis al mi Lena, alportis florojn, kaj nia ludo pri fianĉo kaj fianĉino fariĝis ĉiufoje pli arta kaj prava. Iam ŝi enmetis fingron en la kradon — tiel ni salutis nin — kaj mi fortrenis de ŝia fingro ringon kun rubeno kaj ne redonis. Ni jam ne plu timis renkonti rigardojn sed persistis en ili kaj poste tremis en ŝiaj lipoj malgaja rideto, kaj mi ebriiĝis, kvazaŭ ĝi estus vino... Reveninte en la ĉelon mi sentis min ĉiufoje pli feliĉa, mi kantis duonvoĉe »Ve, ne plia dubo — mi enamiĝis«, kaj verkis versojn. Iam mi skribis sur cigaredpaperon kaj donis tra la krado al Lena kvar liniojn:

> Ho, kiel mi dezirus vin forgesi,
> Ekstermi vin el rememoro mia!
> Se vian bildon volus mi karesi,
> Malvarma estas ĝi kaj senpasia...

Nature, tio ja estis nur elpenso: mi tute ne volis forgesi kaj ankaŭ ne rigardis Lenan malvarma kaj senpasia. Kaj post tio venis kruela puno: du dimanĉoj forpasis sen revido kaj tio jetis min en tian senliman malesperon, ke mi ne trovis por mi lokon en mia kaĝo, ĉirkaŭpaŝis kiel mizera urso en zoologia ĝardeno kaj filozofiis en versoj:

> Okaza donaco, kaj vana donaco
> La vivo, por kio mi ĝin ricevis?

> Aŭ: Rigardu vivon, — ĉirkaŭ vi malvarme —,
> Gi nur dezerta kaj sensenca ŝerco...

Kaj subite la trian dimanĉon: »Bonvolu al vizito!« Mi ne kredas miajn orelojn.

— Kiu venis?

— Do, ĉiam ŝi, via fianĉino...

Konfuza ĝojo, embaraso ĉe la krado. Lena videble ofendita.

— Mi deziris, ke alia venus al... *vi*, sed...

— Se *ci* ne volas venis viziti min, neniun alian mi bezonas...

— Redonu al mi la ringon... Verŝajne, ĝi malhelpas rigardi min el rememoroj...

— Gin mi ne redonos ĝis la morto...

Ŝi ĝemspiris kaj konfuze ridetis, kaj mi aldonis:

— Oni bezonas scii legi inter linioj...

Lena retenis gajan rideton, ŝi subtile, demandis:

— Kio do estas tie, inter linioj?

— Ĉu vi ne povas diveni?

Denove kaŝa rideto:

— Jen... Ne nun, sed poste, en la ĉelo...

Ŝi donis al mi tra la krado kamomilon, sed kiam mi altiris la trunketon, la kapeto de l' floro rompiĝis kaj restis en la krado. La gardisto saltis de sia loko:

— Kion vi transdonis?

— Kamomilon. Sed ĝi ne eniris, rompiĝis.

La gardisto prenis la kronon de la kamomileto, atente rigardis ĝin kaj movis la kapon, dum Lena ridis kaj demandis lin:

— Floro el hejma kampo! Ĉu tio minacas la organizon de la regno?

La gardisto blovis la floreton kaj propramane trapuŝis ĝin al mi en la trueton de la krado.

— La vizito finiĝis! li diris, kvazaŭ li petus pardonon antaŭ la bela knabino.

— Nu, adiaŭ kaj ne kapricu! Demandu la kamomilon kaj ĉion vi scios...

Mi zorgoplene portis en la pugno la kapeton de la floro kaj, jam en la fermita ĉelo, kun frapanta koro mi komencis deŝiri la petalojn...

— Amas, ne amas. Amas, ne amas... Amas! Amas! Amas!

Mi jetis min sur la liton kaj, forte ĉirkaŭbrakinte la kusenon, ekploris.

— Sinjoroj! Kiel mi estas feliĉa! Kiel feliĉa!..

El la rusa: *Felikso Diez.*

# PRINTEMPO FURIOZAS
## (OCUJA KOROSI)
### — JUN'IĈIRO TANIZAKI —

Estis tiam, ke iu venis laŭ la ŝtuparo, kaj la pordo malantaŭ ili malfermiĝis malrapide.

»Sinjoro Ŝinsuke, mi salutas al vi la unuan fojon. Bonvolu memori min kiel Tokubei, en Suna-mura.«

La viro haltis ĉe la sojlo kaj sin klinis malalte, kun leda tabakujo en sia mano. Vestita per peza silka negliĝo kun delikata maŝdesegno, kaj per mallonga, blukolora supervesto, — li estis homo grasa kaj videble simpatia, kiel antaŭe priskribite.

»Momenton estu kvieta, mi petas! Mi nun ekzercas min en muziko, ĉu vi ne vidas?«

Ŝia dekonsilo ĵetiĝis al li maldelikate, ĝuste kiam la du viroj estis enirontaj en la ceremonion de reciproka sinprezento. Kaj eĉ rigardon ne donante al ili, ŝi ludis plu.

»Mi bedaŭras vin ĝeni, sed mi tuj devas paroli kun vi. Venu por mi malsupren — mi vin ne ĝenos tre longe.«

En tiu momento, liaj okuloj serĉis la ŝiajn per fenomena brilo, videble kun intenco komuniki al ŝi ion kaŝitan.

»Mi scias, kion vi volas, sed vi ne povos min movi eĉ per martelego, hodiaŭ nokte! Nur pensu! Iri for de mia karega, lasante lin resti sola? — Ne! Havu por mi la koron, kaj ne diru pli!«

»Vi eraras! Estas vere, ke mi havas aferon, pri kio vi pensas jam; sed la afero, por kio mi nun estas ĉi tie, koncernas la junan sinjoron Ŝinsuke.«

»Kiom longe vi jam estas ĉi tie, ĉiuokaze? Vi neniam antaŭe lin vidis, kaj jam konas lin laŭnome, — estas strange, mi pensas.«

Ŝi demandis nur nun metinte la samisenon flanken.

»Nur momenton antaŭe mi venis,« li klarigis. »Sed aŭdante, ke vi ofte vokas ,Ŝin-san', mi facile divenis.« »Trovi vin tiel sana kaj forta post la perdo de ĉiuj esperoj, —« li turnis sin al la junulo, »nu, kio povus esti pli bona? — jen estas por Cuja grandega feliĉo.«

»Do, tro ne enŝovu vian nazon. Bone, se vi volas paroli kun mi, lasu min aŭdi ĉi tie.«

»Aha! Pro kio do? Vi havas sufiĉan tempon nun, kiam vi kaptis la plej karan. Kial ne foriĝi nur minuton — malsupren? Kaj mi tute ne volas vin forteni pli longe.«

Kaptite de nedireblaj timoj kaj suspektoj, Ŝinsuke silente aŭskultis ilian diskuton. Komence li ne povis ne senti maltrankvilon pri la sekvo de la diskuto; sed la sensanĝaj humileco kaj trankvileco de Tokubei baldaŭ faciligis lian koron. Fine li komencis eĉ bedaŭri pro lia admirinda pacienco al ŝia obstineco en kunparolo. Kiel homo kun ĝenerale humila karaktero, Ŝinsuke miregis vidante, kiel facile ŝi traktas la viron, kvazaŭ lia nomo »La ĉefo de vetludistoj de Sunamura« signifus al ŝi nenion. Antaŭe Cuja, nun Somekiĉi — kiel distinge hardis ŝian karakteron de la ŝanĝo! Nun mirego regis lian koron.

»He, Cuja.« Ŝinsuke intermetis sin per mallaŭta voĉo, moderigita per modesteco. »Ŝajnas, ke vi tute ne pravas paroli tiamaniere, kiam la ĉefo estas al vi tiel bona. Jam restas nenio, pro kio precipe mi devas vin teni ĉe mi. Iru do, kiel li petas, kaj estu bonulino.«

»Se vi diras tion, mi iros.«

Sur ŝia vizaĝo aperis ironia rideto. Strange ŝi tuj donis sian konsenton. Ŝi ordigis la vagantajn harojn, korektis la superrobon antaŭ la spegulo kaj sin turnis por diri:

»Ŝin-san, estu bona infano dum mia foresto, ĉu bone? Mi tuj revenos. Mi neniam volas iri pro ia ajn afero. Nur ĉar la afero koncernas vin, kiel dirite, mi sentas, ke mi devas iri.«

»Vi tute ne bezonas maltrankviliĝi pro la afero. Atendu do, kaj mi deziras al vi tre bonan vesperon.«

Ĉe tiuj vortoj de Tokubei, ili malsupreniris la ŝtuparon.

Ĉu ne okazis, ke iu venis de Kinzoo por lin revenigi? Aŭ, ke la boatisto Seiĵi eksciis pri li, kaj venis por proteski kontraŭ Tokubei? Malgraŭ la certigaj vortoj ĉe lia foriro, Ŝinsuke ial ne povis venki la malmaltrankvilon. Se la lasta el liaj konjektoj estus la kaŭzo, li ne bezonus tiel timi, ĉar li havis nur unu plian tagon por resti. Se la unua, kiel li povus sin klarigi al la maljunulo? Ĉar, Ŝinsuke kuraĝe perfidis la fidon de la maljunulo, kiu admonis lin, ĉe lia foriro, juste sin doni al la leĝo tuj la sekvantan tagon. La vortoj estis preskaŭ sanktaj en ilia morala senco.

»Kiel potenca ŝi estas! Kial mi ĉiam fariĝas tiel malforta, kiam mi estas apud ŝi? Kio ajn al mi okazos, certe mi iros morgaŭ kaj donos min en la manojn de la justo!«

Ŝinsuke stimulis sian koron.

La kunparolo malsupre ŝajnis daŭri iom longe. Krom interrompaj frapoj de pipo por purigi ĝian forneton, aŭdiĝis, strange, nenia sono, nek voĉo de Cuja, kutime parolanta akratone. Jam pasis ne malpli ol unu horo, kiam fine aŭdiĝis ŝia voĉo rompanta la silenton por la unua fojo.

»Do, atendu momenton. Mi iros kaj demandos, kion li diros pri tio.«

Ŝi diris kaj rapidis sur la ŝtuparon. En ŝia mieno klare vidiĝis neordinara korpremateco. Ŝi ekkaŭris antaŭ li, ŝovante sian vizaĝon al la lia, kvazaŭ ŝi intencus flustri ian sekreton tre gravan.

»Nu, kion li diris?«

Li demandis, ne plu povante silenti antaŭ ŝia konduto, kaŝanta ion nebonan.

»Ŝin-san, mi supozas, ke vi ne —«

Ŝi subite interrompis sin, ŝajne pro ia okaza ekpenso. Ŝi restariĝis kaj iris por ĉirkaŭrigardi ekster la pordo kaj la ŝtuparbazon, certigante al si, ke tie aŭdas neniu. Reveninte ŝi rekomencis paroli, tamen per tre tre mallaŭta voĉo, eĉ raŭka.

»Mi supozas, ke vi ne plendos — ĉu? — eĉ se mi malkaŝos al tiu viro Tokubei ĉion pri vi, kaj kion vi intencas fari — jam morgaŭ — por ricevi punon pro via krimo. — Efektive, jam estas tro malfrue, eĉ se vi plendos. Mi ĵus malkaŝis ĉion laŭ mia bontrovo.«

Ŝinsuke paliĝis, ĉar, kvankam li jam preparis la koron por sia fino, tamen li deziris esti akceptata de aliaj kiel homo senmakula — almenaŭ tiom longe, kiom li vivas sur la tero.

»Estas tute egale post ĉio, kiel ajn vi faros. Sed tio ne estas afero, fierinda antaŭ la homoj. Dirante la veron, mi deziras, ke vi ne diru — se eble.«

»Sed diri estis necese, Ŝin-san, alie mi metus vian vivon en danĝeron, jam hodiaŭ nokte —«

Ĉe tio ŝi returnis sin, ĵetante esploran rigardon al la pordo, antaŭ ol ŝi rekomencis:

»Kaj jen, pro kio li volis min vidi! ‚Sinjoro Ŝinsuke estas via amato,' li diris, ‚do vi povas fari, kion ajn vi deziras kun li; vin ne ĝenu pro mi. Tenu lin ĉe vi, kiom ajn longe vi volas. Sed por tio,' li daŭrigis, ‚lasu al mi vin utiligi por mia profito, nur por tiu ĉi nokto.' Mallonge, li volas fari aventureton por mongajni kun mia helpo. Kaj li petas min iri kun li al Mukooĵima, al la kampara vilao de Hatamoto-oficiro nomata Serizaŭa. Sed ĉar mi ne ŝatas vin lasi sola ĉi tie — mi tute ne volis konsenti tiel facile. Kompreneble, estas fakte, ke mi antaŭe promesis iri al Mukooĵima hodiaŭ nokte, — sed ne kiam vi estas kun mi; cetere, mi sentas ion tute ne ordan en la afero. Estas vere, ke li parolas kaj kondutas ĉiam dece; sed efektive li intencas akiri min eventuale, post kiam li metos min en lokon, kie mi ne povos esti plu libera de li pro mia ŝuldo al li. Ĉu ne estus planite do, ke li venigos vin eksteren kaj mortigos vin dum mia foresto? Aŭ povas esti, ke ekvidinte vin iamaniere, la boatisto Seiĵi petis al li preni vian vivon. Sed se ili ekscios, ke vi estas jam preta doni la finon al via propra vivo, ili trovos tion, do, ne necesa fari per si mem, mi pensis. Kaj ĉio ĉi al mi donis ideon, ke estos pli saĝe malkaŝi al li nun la tutan aferon. Kaj mi faris tion. Sed kion alian mi povus fari?«

»Kaj kion li diris?«

»‚Ĉu tiu graciuleto murdis homojn?' li diris surprizite, — jes, kiel granda estis lia surprizo! — Sed, ĉiuokaze, li ŝajnis kontenta per tio, kion mi diris; nun ne estas do danĝero, ke li havas malsaĝan ideon en sia kapo. — Jam lasu tiun aferon, kaj nun, aŭskultu, Ŝinsan, laŭ tio, kion mi aŭdis, — laŭ ĉiuj cirkonstancoj, — mi ne scias, kiel min helpi pri la afero de la hodiaŭa nokto. Tio estas, malgraŭ ĉio, mi devas iri al Mukooĵima tuj —«

Cuja daŭrigis kun insista peto, ke li restu ankoraŭ unu nokton, ĉar ŝi ne povos reveni hejmen ĝis la sekvanta mateno. Ŝi tute ne volis pensi pri la akcepto de invito al iu ajn loko aŭ festeno, ŝi klarigis, sed rifuzi la ĉeestopeton al la vilao de Serizaŭa en Mukooĵima hodiaŭ nokte, kaŭzus serion da malfacilaĵoj, — fakte, malprofiton de cent »rjo«-oj, dirate en mono. Krome, oni estis elpremonta el li monon preskaŭ minace kaj trompe, kaj Cuja devis roli kun Tokubei. Ĉiuj detaloj de la konspiro devis esti plenumataj ĝuste tiel kaj tiel je tia kaj tia horo, alie la tuta afero suferegos malsukceson dispeĉigite. — Ŝi belvestis impresajn faktojn verajn kaj eble ankaŭ neverajn por prezenti sian situacion; per tio, konjekteble, ŝi deziris prepari konvenan pretekston por lin teni pluan tagon.

Ju pli li aŭdis, des pli li sentis la premon de sia senhelpa kolero kontraŭ la ŝanĝiĝo de la knabino, malmoraliĝinta tiel profunde. Antaŭe la juna filino de honorata familio de Suruga-ja, nun kreitaĵo malmoraliĝinta ĝis helpantino de montrompo kontraŭ oficiro.

Li jam perdis la kuraĝon ŝin admoni. Li malpaciencis nur dezirante sin liberigi eĉ momenton pli frue el tiu ĉi danĝera situacio.

»Kial rifuzi la inviton, se tio estas tiel grava okazo, kiel vi diras? Ĉion necesan ni jam parolis. Jam estos nur ripeto de la samo, se mi restus ankoraŭ pli. Nun la afero vin vokas, do, en tiu ĉi okazo, ni decidu diri adiaŭ. Por mi, ironta renkonte al la morto, ne estas granda diferenco, ĉu mi iros iom pli frue aŭ malpli.«

Cuja nun profundiĝis en mediton, malgaja, movante la mallongan fajroprenilon sencele super la cindrolito de la fajrujo, ĉe kiu ŝi sidis kun mallevita kapo, en videbla senkuraĝiĝo. Post kelkaj momentoj da paŭzo, kun mieno de tiu, kiu ĵus formis decidon, ŝi levis la kapon kaj parolis kun klara kaj decida tono.

»Se vi decidis tiel firme, jam estas nenio farebla. Dirante la veron, mi volis vin teni ĉe mi unu tagon post alia, ĝis fine vi cedos kaj konsentos resti ĉe mi por ĉiam; sed mi rezignis ĉion. Kaj nun, koncerne la aferon pri Mukooĵima, ne estas vero, ke mi revenos hejmen morgaŭ matene, — tio estas nura preteksto por vin teni pli longe. Nu, mi petas, ke vi atendu min ĝis la dua horo postnoktomeze, ĉar mi certe hejmenvenos ĝis tiu horo.«

Ŝinsuke konsentis, tamen kun tia malinklino, ke ŝi ne povis senti tion sufiĉe certa. Do, ŝi proponis, ke li prefere venu tien por ŝin akcepti, ĉirkaŭ la noktomezo, vestite kiel ŝia paĝio. Tuja rifuzo de Ŝinsuke kolerigis ŝin treege. Ŝi ne povis trovi la kaŭzon de tio, ke li rifuzas tiun proponon, kiam ĝi estas ŝia lasta kaj sola deziro. Se li ne volus veni, ŝi diris, ankaŭ ŝi ne volus iri, — kaj Tokubei aŭ ĉio alia estos senpova por ŝin movi. Rezulte de ilia malpaco, fine Tokubei mem devis sin meti inter ili kaj proponi arbitracion. Tamen, nek lia peto preskaŭ humila, nek lia flataĵo alloga sukcesis ŝin cedigi. Nur post longa penado li sukcesis; tio estis penakirita konsento, — eldevigita, tamen, de la flanko de Ŝinsuke.

*(Daŭrigota)* El la japana: *Joŝiŝi Simomura.*

## DISIĜO

*Ni ne diru: »ĝis la revido«,*
*kiam venos la lasta minut' —*
*la minuto de nia disiĝo,*
*de l' disiĝo kaj lasta salut'.*

*Ne sopiru al rea kunesto,*
*al iama feliĉa renkont' —*
*kion prenis kun si la pasinto,*
*ja ne povas redoni l' estont'.*

*Tenu firme en kor' la memoron*
*pri l' kunesto — en larmoj kaj rid'.*
*Las'a kiso, rigardo dankplena*
*kaj — ne diru: »ĝis la revid'«.*

## NESENDITA LETERO

(al Lia L.)

*Malforta estas mi kaj kompatinda,*
*mi — eta homo sub la Granda Glav',*
*ludilo nur de l' dezirego blinda,*
*de l' sango sklav'.*

*Sed foje ĉesos la ebri' pasia,*
*kvietos lace l' sentouragan'.*
*Mi klinos min por lipotuŝo pia*
*al via man'!*

*Kaj estos mia viv' kaliko plena,*
*matura por la lasta, granda mes',*
*dum vi rigardos min kun pac' serena*
*kaj diros: Jes.*

**N. Kurzens**



# OBSERVO

## HEIDENSTAM, LA SVEDA BARDO, ESTAS 75-JARA.

Nun, kiam Verner von Heidenstam transpasas la neĝlimon de l' vivo, li rimarkiĝas kiel unu el la plej elstaraj kaj respektataj figuroj de la sveda literaturo.

Li naskiĝis la 6. jul. 1859 en Olshammar (en provinco Närke kun ĉefurbo Örebro) apud lago Vättern,[1]) en aristokrata hejmo (kontraste al Strindberg). Ano de la Sveda Akademio de post 1912.[2]) Denaskiĝe malforta, oni sendis lin frue suden, kie li unue fervore desegnis kaj pentris, intencante fariĝi pentristo (same kiel Strindberg komence; cetere akra kontraŭulo de la lastnomita). Post la hejmenveno li aperigis en 1888 sian poemaron »*Vallfart och vandringsar*« (Jaroj de pilgrimo kaj migrado), kie li laŭdas la pratempon kaj la fabelriĉan Orienton pro sia senzorga kvieto kaj ĝuo de l' nunmomentaj plezuroj, kontraste al la maltrankvila penado de la moderna kulturo, al kiu mankas la harmonia vivoĝojo. La sama mondrigardo speguliĝas el liaj vojaĝskizoj »De Col di Tenda al Blocksberg« kaj en la realista turistromano »Endymion« (1889) kun bildoj el la tiama Palestino. Almenaŭ dum la unua parto de sia verkista kariero Heidenstam konsideris la fantazion kiel la plej gravan animan trezoron de l' homo kaj la evoluigon de l' sento pri belo kiel la plej prizorgindan flankon. Tamen jam en lia unua poemaro troviĝas trajtoj de alia inklino. En la iom nebula verko »Hans Alienus« (1892) oni provas rimarki komencon de ŝanĝita mondrigardo . . .

Lia granda amo al la naturo en sia hejmregiono iom post iom evoluis en la historian-nacian direkton kaj brile esprimis sin en vico da prozaj verkoj pri glora epoko de l' sveda historio. Inter la menciitaj estas lia »Karolinerna« (en esp. Karlanoj, aŭ Karluloj) aperinta dum 1897—98, lia ĝis nun plej populara verko. Ĝi enhavas mallongajn rakontojn pri Karlo la 12-a kaj liaj batalkunuloj, precipe pri la sveda popolo, kiu kun tiom sinofera kuraĝo kaj fidelo portis la pezajn suferojn. Heidenstam ricevis la Nobel-premion en 1916.

Ankaŭ la Nobel-premiita kolegino de Heidenstam, Selma Lagerlöf, prikantas malnovan svedan vivon. Sed ŝiaj pacaj idilioj estas el tempo pli proksima al niaj tagoj. Heidenstam entuziasmiĝas pri pli antikva batalepoko kaj lerte plektas versolaŭron ĉirkaŭ siajn heroojn, al kiuj li scias veki ŝaton, eĉ amon en sia sveda legantaro. (Eĉ por mi, rumana kronikisto de Nordo, estas interesa la 'Karoliado' de H., ja Karlo la 12-a vizitis ankaŭ mian hejmlandon kaj partoprenis la faman »kalabalikon ĉe Bender« la nuna Tighina en Besarabio, Rumanio kaj la turo starigita de la soldatoj de Karlo 12. dum du jarcentoj staris en Bukureŝto, ĝis tertremo ruinigis ĝin. Tiam oni lokis memortabulon pri la kuraĝaj svedoj). Al tiuj ĉi kantoj harmonie povus stari enkonduka devizo, »Arma virumque cano . . .« (La gloriga patoso de Heidenstam pri sia aŭreolita Karlo 12., ricevas kurban spegulon ĉe Strindberg, kiu en sia »Svedaj sortoj kaj aventuroj« — trovas kiel speciale substrekindan virton ĉe la rajdrekorda reĝo, ke . . . li povis dum semajnoj havi la samajn ŝtrumpojn . . .) Sed Heidenstam ne estis nur prikantisto de armiloj. De la nacieco liaj poetaj flugiloj svinge altigis lin ĝis universala horizonto. Jen nacia, jen universala, sed ĉiam klasika. Kiu konas la neĝkovritan svedan teron kaŝantan feron, kupron, sed ankaŭ arĝenton kaj oron kaj abundan grenon en sia sino, scias legi ankaŭ el la senmovaj vizaĝmuskoloj de l' nordanoj kaj komprenas la noblan emocion, kiun sentas ĉiu svedo en sia korprofundo, kiam eksonas la akordoj de »Sverige« (Svedlando), la nesuperebla poemdonaco de Heidenstam al sia nacio (muzikigita de Stenhammar). (Eĉ en la okul-anguloj de rumano aperas larmperloj, kiam lia sveda edzino kelkfoje aŭdigas ĉi tiun mirindan melodion speciale, dum vesperkrepusko...). En la komenco de sia poeta agado Heidenstam forte atakis la naturalisman direkton pro ĝia mankhavo de arteco kaj vivĝojo. Li akcentis, ke »L'art pour l' art«, la flugilojn de l' arto ne ligu pezigaj socireformaj celadoj. Tamen el ĉiuj liaj verkoj plej impresas nin, kulturbatalantojn de l' nuntempo, lia grandioza politika poemo verkita en 1902 por akceli la ĝeneralan voĉdonrajton.

Heidenstam ne apartenas al la plej produktivaj verkistoj en la sveda literaturo. De post 1915, kiam aperis lia lasta poemaro, li ripozas sur siaj — cetere plene meritataj — laŭroj. 15 estas la proksimuma nombro de liaj verkoj. Sed oni ja ne mezuras la poeton laŭ la nombro de liaj verkoj. En la verkoj de Heidenstam la bela formo unuiĝas kun profunda enhavo. Klareco, forto kaj formbelo — jen la bildo de l' norda bardo.

*Tiberio Morariu*

[1]) La verko de Heidenstam: »La pilgrimado de Sankta Birgitta« (aperinta en 1901 kaj pli malfrue tradukita ankaŭ al itala lingvo) enhavas tre belajn skizojn pri la ĉirkaŭaĵo de lago Vättern.

[2]) Por la 75-jara jubileo la germana »Norda Societo« en Berlin distingis la grandan poeton per »honora sigelo« kaj diplomo.

## MORTIS KAROLINE BJÖRNSSON, LA »BLANKA VIDVINO« EN AULESTAD.

Karoline Björnsson, la vidvino de l' granda norvega poeto Björnsterne Björnsson, mortis la 27-an de junio n. j. 99-jara sur la bieno Aulestad en Gausdal (Norvegujo). Dum pli ol 50 jaroj ŝi staris fidele apud sia edzo kaj de post 1909 ŝi estis vidvino. Ŝi devenis el simpla familio, ŝia patro estis bakisto Reimers en Bergen. Karoline B. — tiam fraŭlino Reimers — estis 22-jara, kiam ŝi la unuan fojon ekvidis Björnsterne-n Björnsson. Li 25-jarulo. Björnsson venis de Oslo por okupi la postenon de teatra direktoro ĉe la »*Nasjonale Scene*« en Bergen kiel posteulo de Ibsen. Li venis juna, konkera, plena de vivĝojo, kiel venkhava verkinto de »*Mellem Slagene*«. (Inter bataloj.)

— »La vivo estas por mi kvazaŭ ŝaŭmanta ĉampano«, diris li mem.

Tiam li renkontis Karoline-n.

— »Ĉu vi scias, kiel nomiĝos mia filo, se iam mi ricevos?« Jen liaj unuaj vortoj al la juna knabino.

— »*Li nomiĝos Björn.*«

Kiel teatrestro, Björnsson devis fari rondvojaĝon kun siaj aktoroj al Trondhjem. Li bezonis junulinon, kiu povu surpreni sur sin etajn taskojn. Tiam Karoline proponis sin — sen salajro. Björnsson kaj Karoline gefianĉiĝis

sekrete. Sed ili nepre devis fotografi sin. Kaj ĉe la fotografisto ĝoja ekkrio saltis el la feliĉoplena brusto de l' fianĉo: »ni estas sekretaj gefianĉoj, sed neniu devas scii pri tio!«

Ili geedziĝis la 11. sept. 1858 en Kristiansand, kie la patro de B. estis pastro. Poste la jungeedzoj ekloĝis en Bergen kaj loĝis super la teatro en paro da ĉambretoj. B. agis laŭ siaj humoro kaj impulsoj. Iujare kristnaskan vesperon 18 gastoj surprizis la mastrinon, sed la mastro mem mankis. Fine alvenis ankaŭ li.

— »Ĉu ne vere brila ideo ĉi invito?« Eble la ideo estis brila, sed la mastrino devis . . . de la najbaroj prunti manĝajon kaj trinkajon por la neatenditaj gastoj. Ŝia biografisto notis, ke »sinjorino Björnsson devis akompanadi sian edzon dum liaj sennombraj vojaĝoj, »vivi en kofro« kun infano kaj servistino.« Ili vojaĝis ĉiam 3-aklase. (Ankaŭ la artikolinto vivas kun siaj edzino kaj infano en kofro, sed sen vartistino. Sed la subskribinto ja ne estas verkistego, sed nura propagandisto.) Ŝi aranĝis la malfacilajn ekonomiojn de la familio. Nur dum pli postaj jaroj boniĝis iliaj financoj. Ŝi kaŝis la plej akrajn artikolojn kaj malicajn leterojn de la kontraŭuloj de sia edzo kaj defendis lin kontraŭ politikaj atakoj.

Bonan bildon oni ricevas pri ŝi en la libro de filo Björn »Memoroj de Aulestad«, aperinta por la björnsona jubileo en 1932.

En 1863 en Oslo (tiama Kristiania) la infano envenis la ĉambron de la gepatroj. Li vidis ilin, sed ili ne rimarkis lin. La gepatroj diskutis. Li parolis ekscitite, ŝi ploris. Tiam la patro kroĉkaptis la manon de l' edzino. La infano ekkriis terurita, elkuris kaj ploregis ĝisdorme. Post iom da tempo li vekiĝis, kaŝe reiris al la gepatra ĉambro kaj tra la pordfendo vidis siajn gepatrojn sidantaj sur la sofo kaj interkisantaj. La jusa disputo temis pri partoprenemo de Björnsson en la dana-germana milito. La saĝa edzino sukcesis persvadi sian edzon, ke li estas vokita vivi por la literaturo.

La agema, klarvida kaj varmkora edzino estis lia modelo por *Marit* en »En glad gutt« (Gaja knabo) (kie Björnsson mem kaŝiĝas en Oivind), por *sinjorino Tygesen* en »Geografio kaj amo«, por *Tora Parsberg* en »Paul Lange kaj Tora Parsberg« kaj por multaj aliaj virinaj figuroj.

Sinjorino Björnsson ĉiam vestis sin blanke, jen kial ŝi ricevis la kromnomon« la blanka vidvino«. Eĉ por sia enterigo ŝi malpermesis la uzon de nigra koloro. Per sia foriro ŝi rememorigas al ni blankebrilan, grandecan epokon de la norvega literaturo. *Tiberio Morariu*

MAJA IDILIO. Okaze de la Nederlanda Esp. Kongreso en Hilversum la verda popolo festis. Parto de la vespera programo estis dediĉata al la literaturo. La publiko, konvene stimulita de la dumtaga printempa vetero kaj de la serena paska humoro, scivolis precipe pri la prezento de »Maja Idilio«. poemo de K. Kalocsay. Ĝi estas unu el la plej brilaj perloj de la literatura perlaro: *Streĉita Kordo*.

La specialan atendon vekis ne la poemo mem, en kies arda lirika atmosfero nur la poeziamanto ĝuas la arton, sed ĝia nova formo, kiu aliigis la monologan karakteron por pliproksimigi ĝian belecon ankaŭ al tiuj, kiuj ĝenerale ne estas ŝatantoj de ritmoj kaj rimoj. Je iniciato de Juliette Baudin, kies delikatan guston laŭdas la elekto, Julio Baghy, tiutempe laboranta en Nederlando, scenigis la poemon. Ilia kunlaboro gvidis la provripetojn kaj la entuziasmo de diletanta trupo promesis sukcesan scenejan prezenton.

La skizo de la reĝisora prilaboro estis jena: la scenejo prezentas liberan lokon en densa arbaro. En la mezo, proksime al la fono, staras granda kverko. En la antaŭajo ambaŭflanke estas laŭbo. En tiu ĉirkaŭajo du paroj da junaj geamantoj, deklamante la rilatajn versojn, ampetolas. Horeto, konsistanta el ses knabinoj, dancas kaj kantas. Fine sekvas danco de nimfo kaj faŭno.

La divido en tiuj tri partoj kaŝas la bonan ekvilibron de la scenigita poemo.

Antaŭ ol la kurteno leviĝis, Julio Baghy mem enkondukis la prezentadon deklamante sian poemon »Printempo«, kiel monologon. La kurteno leviĝis en akompano de ekstera knabina horeto, kvazaŭ preludo, kies vortojn verkis kaj muzikon komponis Kalocsay mem.

> Printempo la arbojn alarmis denove:
> »Vekiĝu, kaj ĝermu burĝonojn!«
> Kaj kuras la milda zefir' facilmove
> Disporti la dolĉajn ordonojn.
> Nun tiklas la herbojn petole la vento,
> La koron sopiro flugila,
> La kampon silkharan nubet' el arĝento
> Karesas per ombro facila.

La koroj, stimulitaj de la belega tago, de la solena humoro, tuj sentis la ĝustan atmosferon kaj la unua strofo de »Maja Idilio«:

> En la verdon venu, kara,
> La reto foliara
> Ornamos vin per punta sunradi' . . .«

senpere parolis al ili, kaj iom, laŭgrade progresis deklamado kaj kantado, la dolĉaj printempaj sonoj penetris en la animon, eĉ en tiun de »pli decaj« ĉeestantoj. Komence oni povis rimarki, ke la geaktoroj faris nekutiman laboron, sed baldaŭ la naturero, la vera homo, senŝeliĝis, montrante la fortan influon de rimo kaj ritmo. Tuj poste, la ĉarma apero de ses knabinoj en instituta uniformo, kantantaj:

> »Printempo, briltempo, jen venas pareto . . .«

(muziko de Kalocsay) plifortigis, kiel dua elemento de la ludo, la kuraĝon de la jam ludanta paro kaj pliviglis la agadon mem. Kiam la dua paro aperis, kaj li, ampersekutante ŝin deklamis:

> »Helena, Helena, Hej!
> Hola! Hej! Kie?
> Sed branĉlabirinto vin kaŝas envie! . . .«

kuniĝis ĉiuj elementoj de la aga parto, kaj harmonio estiĝis. Vere amuza kaj sprita fariĝas la ludo, kiam ankaŭ la knabinoj partoprenas la kaŝludon de la amparo.

> »Heliketo, heliket',
> Vin elvokas mia pet' . . .«

Malgraŭ la malgranda scenejo, ili (la ses knabinoj) mirinde bone sukcesis fari rondon defende ĉirkaŭ la junulinon, kaj komenciĝas nova ludo; li ekstere, ŝi ene:

> »Ŝafideto, ŝafidet',
> Vana estis panja pet',
> Vi enuis la ŝafaron,
> Vi sopiris trans la baron . . .«

Post kiam li fine kaptis ŝin,

ŝi: »Teruro!
li: Plezuro!...«

la agado plitrankviliĝas; vesperiĝas, kaj la animstato de la gejunuloj fariĝas iomete pli revinklina. Ili sidiĝas en la laŭboj. De malantaŭ la »kulisoj«, kien jus antaŭe estis malaperintaj la knabinoj, aŭdiĝas la ĉiam pliforiĝanta ĥoreto:

»Ging gang, ging gang, giling, galang, ...«

(muziko de Sárossy). Tiu transiro de pli vigla al pli trankvila sinteno estis por la paretoj videble malfacila, kvankam ili mem verŝajne ne konsciis pri tio. Tamen, la vero montriĝis, kiam ili preskaŭ salte ekstaris, por iri al la fono, kie sin renkontas ambaŭ paroj, ĉe la kverko.

»Jen la maljuna kverka krusto
Atendas ĝuste nin;...«

Entranĉinte amgravuraĵojn en la krusto, ili kvarope dancas ĉirkaŭ la trunko, kantante:

»Turnu, turnu, turnu vin,...«
(muziko de Sárossy)

Reveninte en la laŭbojn, ilin majstras iom post iom pli reva animstato, kaj la du junuloj alterne deklamas la du strofojn de la majesta: Himno al la Nokto. Post la lastaj vortoj:

»Pro tiu vin' de paradiz'
Kordankon, ho, Majesta!«

aperas nimfo sur la scenejo, kiu ekdancas; ŝin akompanas pianmuziko: »Danco de Anitra«, de *Grieg*. Sub la kverko intertempe vidiĝas faŭno, kiu per ritmaj movoj sekvas la dancon. De tempo al tempo, akompantakte, li deklamas la strofon:

»Kaj paŝas la Nokto, post ŝia mola paŝo, ...«

Post tio komenciĝas pelludo inter faŭno kaj nimfo, kiu finiĝas per faŭna venko, kaj finiĝas la »Idilio«, per la vortoj de la lasta strofo, deklamitaj de junulo:

»Jen estas la moment'!...«

Malgraŭ la diletanta ludado, malgraŭ la vilaĝa salono, malgraŭ la primitiva scenejo, kies kulisojn anstataŭis vivantaj kreskaĵoj, oni povis vidi kaj senti kiel arde jam vivas



*Kaj paŝas la nokto...*



*Ŝafideto, ŝafidet'...*

la geniaĵo, kreita de nia majstro, kiel kreskis la fajrero je fajro, kiu brulas kaj varmigas, kiu donas kuraĝon al homoj, nekutimaj al literatura laboro, prezenti tiun perlon en tia formo. Ju pli serioze mi pripensas la diversajn malhelpaĵojn, des pli profunde mi admiras la kuraĝon kaj persistemon de ĉiuj kunlaborintoj, ĉar mi vidas en tiu prezentado gravan ateston pri la praktika valoro de nia literaturo. Entrepreni tian laboron kaj doni ĉiam pli da okazoj por evoluo de la prezenta arto estas unuaranga eduka rimedo por veki intereson, por altigi la lingvan nivelon, por konvinki eĉ skeptikulojn, ke nia lingvo estas vera kulturlingvo, kaj ĝiaj uzantoj estas respektindaj kulturbatalantoj. *W. H. van Dongen, Hilversum.*

(Q) PRAKTIKA PARTO. De semajnoj mia ŝatata estas maldika kajereto, kiun la hazardo donis en miajn manojn. Kvankam ĝi, propre, ne estas distra legaĵo. *Fakverko*, pri parto de l' homa agadkampo sufiĉe malproksima de mi. »Arto de filmaktorado. — Praktika parto.« — jen la titolo de l' kaejro. La zorgema aŭtoro kompilis la elementajn formojn de l' esprimo de certaj sentoj kaj de certaj primitivaj agoj en tiu verko, kiu certe kompensas gravan mankon. Ekzistas eternaj aferoj, eternaj sentoj, eternaj manifestiĝoj, tiuj devas per eternaj reguloj esti esprimataj de tiuj aktorontoj, kiuj iam sekvos la ekzemplon de Greta Garbo aŭ Stan & Pan. Jen ekzemple iu eterna manifestiĝo de l' homo: la beno. Ni trovas plurajn ĝiajn specojn en la libro. Jen:

»*Beno, antaŭen, simetrie.* La du manoj ekiras eksteren, en arko, iom malpli alten ol horizontale. Poste akiras pozicion, farinte akutan angulon kun la kolo. La manoj pozicias en la linio, de l' brakoj, tiel tamen, ke ili estu precize paralelaj; la fingroj dume estetike malfermitaj...«

Jen, estas tiel simple: beni antaŭen, simetrie. Kiu scivolas pri la kromaj specoj, havas la eblon elekti. Ekzistas *beno antaŭen*, per la dekstra mano, supre; beno antaŭen, kun la maldekstra mano, supre; beno dekstren (kiu ofte okazas); beno maldekstren (kiu jam iom surprizas en la hodiaŭa mondo). Poste venas la malbenoj, same: antaŭen, supre kaj renverse. Krome: sindefendo dekstren, sindefendo maldekstren, riproĉo dekstren, riproĉo maldekstren, ekskuzo dekstren, maldekstren, kaj per ambaŭ manoj. Interesa ankaŭ la miro:

»Ambaŭ brakoj ekiras tiamaniere, ke la malfermitaj manplatoj frontu la publiko; tiel leviĝas la dekstra mano dekstren, la maldekstra mano maldekstren, ĝis pozicio faranta akutan angulon kun la korpo. La relokigo okazu laŭ la plej kurta vojo; ambaŭ manoj samtempe. La centro de la esprimita per la manoj miro estas la vizaĝo: larĝe aperitaj okuloj kaj iom nefermita stato de l' buŝo.«

Post la miro sekvas la gapado, poste ofero dekstren, ofero maldekstren, ofero dekstren *kaj* maldekstren (kio igas nin konkludi nepran praktikemon), ordonado dekstren, ordonado maldekstren, minacado dekstren, minacado maldekstren, milda rifuzo, konfeso, revelacio, pedanta difinado kaj kamzparana modesteco dekstren, maldekstren kaj ambaŭmane. Ni trovas dume ankaŭ prudecon: »La okuloj, kovritaj per la manplatoj, elrigardas inter la fingroj oni atentu, ke la manplatoj ne kovru la buŝon.« La riĉa ĉioatenta listo finiĝas per *hezitado, koketa* kaj *kamparana saluto*.

Ekzistas homoj, kiuj ridas pri tiu iom naive aspekta parto praktika de la filmaktorado. Mi konfesas, mi trovas nenion ridindan en ĝi, mi eĉ ne miras (per iom nefermita stato de la buŝo). Mi trovas senekzemple inshoman internon, per simplaj, sed fidindaj reguloj de poŝlibroj. Beno ĉiudirekten; optimismo unumane, dekstren; kulturo modeste, nek antaŭen, nek malantaŭen; ferringo el ligno de dekstre maldekstren, prudeco ambaŭmane kaj ambaŭpiede — tiel simpla la tuto kaj kiu kuraĝus aserti, ke ne tiel ni vivas? Ni bone lernis la formojntruplena tiun ĉi koncizan fakverkon. Mi timas ke ni ĉiuj sekvas ĝiajn regulojn. Per ŝablonoj ni esprimas nian normojn jam dum nia infanaĝo kaj neniam ni devojiĝas de ili. Jen kiel vi sentu, pensu, vivu: tion ni lernis en la *praktika parto* kaj ni estis bonaj lernantoj. Amo dekstren, amo maldekstren, ĝeniĝo maldekstre, ambaŭdirekte — ankaŭ tio estas orda, regula. *Literaturo* nek dekstren, ned maldekstren; idealismo, kiu faras akutan angulon kun la aŭtoritatestimo. *Laboro*, kiu paralelas kun la senco de l' vivo, tial ili renkontiĝas nur en la senfino post nia ĉesiĝo *(ĉesiĝo* en lignokesto, vermoj simetrie, ĉiudirekte). *Malsato:* dekstra mano antaŭe, per kamparana modesteco, ĉapelo renversita. Duboj: ambaŭ okuloj fermitaj, ambaŭ oreloj ŝtopitaj, kaj per milda rideto ĉion ni tuj kredas plurajn fojojn sinsekve, por ke ne okazu pli grava malbono. *Arta kreo:* rapidpaŝe oni iras tien, reen; objektojn oni turnas rapide; inke-skribile ni signojn surpaperigas.

*Kuraĝo:* torakojn aerplenigi, ambaŭ manojn svingi, al starantoj, frontaj al ni diri malagrablajojn. *Timo:* la supera parto de l' korpo kliniĝas, la vangomuskoloj formas servopretan rideton, per ofera movo ni transdonas etajn objektojn ekzemple nian cerbon aŭ vertebron).

Sed tiuj estas nur ekzemploj elektitaj laŭ hazardo el la riĉa amaso de l' utilaj reguloj de l' *praktika parto*, kiuj estras niajn movojn. Pri ĉio ni havas tiajn lertajn kaj facilajn esprimformojn. Ne estas malfacile sekvi ilin, tiom pli danĝere kaj preskaŭ ĉiam maleble estas devojiĝi de ili. Niaj sentoj kaj emoj ĝenerale estas maltrankviligaj kaj kaj plenaj de strečiĝoj Dionizaj. Oni devas timi ilin kaj lerni iliajn ĝustajn kaj sennocajn esprimoofrmojn. Neniam ni faru, kion ni volus fari — ni agu laŭ instruo kaj ekzerco. Ni estu ordemaj kaj saĝaj; horizontale same kiel vertikale, iom solene, malrapid ritme; zorgeme atentantaj, ke neniel ni rompu la ritmon kaj neniel, hazarde, ni fartu bone.

(X.) GINA KAUS: PLI FORTA OL LA AMO. Trohejtita de ekscitoj, katenante interesa estas tiu ĉi romano, kiu okazas dum ses tagoj. Dum ses tagoj faras la vojon de Eŭropo al Ameriko la ŝipo »Columbia«, sur kies ferdeko la pasaĝeroj reprezentas ĉiun parton de la socio kaj dum la semajno ili travivas la boladon de la plej malsamaj pasioj. La ŝipkuracisto — kiu ekvojaĝis por reakiri sian malfidelan edzinon — povas enrigardi dum tiu ĉi tempo en timigan profundon de la homa animo, li povas trarigardi la plej kuriozajn kirliĝojn de la vivo, la interrilatojn kaj interefikojn de hazardoj, kapricoj, afekcioj kaj reguloj, kvazaŭ sur sekca tablo li sekcus la vivantan vivon: malfermiĝas por li ĝiaj kaŝitaj muskoltavoloj, ĝia sentema nervaro. La oceana ŝipo estas la mikrokosmo de la mondo, en kiu vibras ĉiuspeca imagebla strečiĝo; pasiaj amoj, pasia ambicio, la febro de l' ludo kaj la turmento de l' sufero hejtas ĝian kaldronon. Kaj la ŝipkuracisto dume sin sentas kiel iu, kiu kun taŭzita animstato falas en teruran tempeston, kaj en la timiga ventego li rekonas la bagatelecon de sia propra ekscitero, kaj tio lin tuj trankviligas. Ankaŭ li kontentiĝas pri sia sorto, transformiĝas, fariĝas nova homo post la paso de la ses tagoj kaj kun renoviĝinta forto, al novaj celoj li ekiras en la New-Yorka haveno.

(X.) JOHANN RABENER: KONDAMNITA JE VIVO. Tute nekonatan junan verkiston popularigis tiu ĉi romano, kiu faris grandan sensacion en Germanujo. La suferojn de *Fedor Feuerhahn*, malsane sentema, moderna junulo kun trohejtita animo, desegnis la verkisto en tiu ĉi romano, bolanta inter pasioj. Ĉirkaŭ li estas prezentitaj la figuroj de la nuna straba mondo. En la centro de la okazajoj estas la amara, malbela lukto inter filo kaj patrino kaj en la fino de la romano la filo murdas sian patrinon, vivintan malmoralan vivon. La amo de *Fedor* kaj *Mariascha* estas, por tiel diri, la sola paciga motivo en la marĉo de la demonaj abomenajoj, kiuj *Rabener* prezentas al ni. Li volas respeguli la viv-rigardon de la moderna gejunularo, sed ni volus esperi, ke nur tre malgranda parto de la junularo produktas por si tian malsanan, revivkapablan filozofion. La tre talenta *Rabener* prezentas seriozajn kvalitojn en tiu ĉi sia aventura, mornatmosfera libro.

**ĈU VI SCIAS**
**ke la Societo Franca por Propagando de Esperanto havis jam 10.000 membrojn en la jaro 1903-a ?**

**ĈU VI SCIAS**
**ke pli ol 50 geedziĝoj estas registritaj, kiuj okazis inter diverslingvaj Esperantistoj, ĉu vi volas koni ilin ?**

**ĈU VI SCIAS**
**ke la unua radioparolado en Esperanto okazis la 7-an de aprilo 1924 el la sendstacio de Paris PTT ?**

**ĈU VI SCIAS**
**ke aperis en Esperanto la fama verko Vivo de Kristo de Renan?**

**ĈU VI SCIAS**
**ke la libron kun multaj miloj da tiaj informoj vi povas plej facile havigi al vi aliĝante al Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj ? Se vi scias, kial vi ne aliĝis ĝis nun ? Se vi ne scias, postulu tuj prospekton de Literatura Mondo.**

# Kelkaj novaj opinioj pri la „Enciklopedio de Esperanto"

**S-ro G. J. Degenkamp, Utrecht:** »Ricevinte la unuan volumon de Enciklopedio de Esperanto, mi deziras unuavice gratuli vin pro tiu ĉi bonega kaj tre serioze ellaborita verko.«

**S-ro Leo Moreau, Arnhem:** »Pri Enciklopedio: Kiu ĝin atente trafoliumas devas konkludi: Grandioza, miriga, altvalora kiel ĝis nun ankoraŭ ne aperinta verko, kies pretigo nur estas ebla pro kaj epr ESPERANTO de unuarangaj eminentuloj. Gratulon kaj grandan sukceson mi deziras al vi!«

**S-ro Paul Nylén, Huddinge:** »Ŝajnas al mi, ke la verko meritas grandan laŭdon.«

**S-ro E. Drezen, Moskvo:** »Mi havis eblon konatiĝi kun la Enciklopedio. Gratulon al vi, ke vi sukcesis aperigi tian libron.«

**S-ro G. D. Buchanan, Rothesay:** »Mi bone ricevis la unuan volumon de la Enciklopedio . . . mi povas konstati, ke ĝi superis eĉ mian plej altan esperon.«

**S-ro A. W. Thomson (Avoto), Bexleyheath:** »Mi reę gratulas al vi pri via imitinda laboremo pro la esperanta movado, kiu nepre meritas eĉ pli vastajn rezultojn, ol tiuj, kiujn vi nekontraŭdireble jam atingis.«

**»British Esperantist«:** »Ĉi tiu rimarkinda kaj altvalora verko estas rezulto de longa kaj zorga laborado de multaj personoj . . . Precipe dankon al la eldona firmo kaj la redaktoroj! . . . Plej sinceran gratulon al ĉiuj koncernataj samideanoj!«

**»Belga Esperantisto«:** »Post apero de la unua volumo de tiu granda verko, oni eble ne jam tute kapablas juĝi pri la monumento, kiu per ĝi estos starigata. Sed oni tamen jam nun povas aserti, ke neniam ankoraŭ aperis en Esperanto tia amasforma laboro, al kiu partoprenis tiom multe da samideanoj el diversaj landoj . . . la Enciklopedio restos longtempe la plej valora arĥivo, kiun ĉiu Esperantisto povas kaj devas havi en sia biblioteko . . .«

**S-ro G. Adams, Seattle:** »La eldono de tiu ĉi libro estas vere monumenta punkto en la historio de Esperanto.«

**S-ro G. P. de Bruin, Enschede:** »Fine venis la unua volumo de la Enciklopedio. Belega kaj interesa verko!«

**S-ro J. Hartog, Baarn:** »Komplimenton pri la unua volumo de la Enciklopedio. Ĝi estas grandioza.«







Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.